## Ĉefredaktoroj:

***Julio Bagĥy kaj Kolomano Kalocsay***

## Redaktoroj:

***Karlo Bodó kaj Francisko Szilágyi***

**Ĉefkunlaborantoj:** *J. D. Applebaum. A. Behrendt, P. Bennemann, M. Beraru, J. Berger, M. Blassberg, T. Cart, Helmi kaj Hilda Dresen, R. Eichenbaums, Jean Forge, S. Grenkamp Kornfeld, L. Halka, R. Hromada, Teo Jung, I. Jurysta, S. Kamaryt, Kenelm Robinson, E. Knutsson, I. Lejzerovicz, W. Lippmann, T. Morariu, L. E. Newell, P. Nylén, A. Seppik, Jan von Schoor, K. R. C. Sturmer J. Supichová, R. Schwartz, L. Totsche, Leono, Feliks kaj Lidia Zamenhof, E. Wiesenfeld.*

---

### Redakcio kaj administracio:

*Bleier Vilmos,* Hungarujo, Budapest IX. Boráros tér 6.
Telefono: József 382—98.
Poŝtŝparkasa numero: Budapest, 25,168 *Bleier Vilmos.*
Bankkonto ĉe Hungara Generala Kreditbanko.

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. Por la publikitaj artikoloj, faritaj por la rubriko Observo, L. M. pagas sen kliŝo 10.— pengojn, kun la prunta alsendo de necesaj kliŝoj 15.— pengojn. La kostojn de la kliŝosendo kovras LM.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

### Niaj reprezentantoj

**Aŭstrio:** Rudolf Foltanek, *Wien,* I. Herrengasse 6—8. Poŝtkonto nro 19.704
**Belgujo:** Flandra Esperanto-Instituto.
Libreja Fako. s-ro Gerard Debrouwere *Kortrijk,* Marckesteenweg 18, poŝtkonto no 196906.
**Britujo:** Brita Esperanto Asocio, *London,* W. C. 1. 142 High Holborn.
**Bulgarujo:** Centra Librejo »Esperanto« *Sofia* str. Maria Luiza 49.
**Ĉeĥoslovakio:** Otto Sklenĉka, *Hradec-Kralové.*
**Estonio:** Helmi Dresen, *Tallin,* Poŝtkest 6.
**Francujo:** Salo Grenkamp Kornfeld, *Paris,* 9e, 4 rue de Vaugirard; poŝtkonto nro Paris C. 1052—01.
**Germanujo:** Ludoviko Speth, *München,* Auenstr. 62. poŝtkonto nro München 21142.
**Hispanujo:** Ferdinand Montserrat, *Barcelona,* str. Provenza 99. 1—4a.
**Italujo:** A. Paolet, *St. Vito al Tagliamento.*
**Latvio:** Aleksandro Libers, *Riga,* Muitas Artelis, Bremieŝu ielä 11.
**Nederlando:** Leo Moreau, *Arnhem,* Raapopsche weg 55. poŝtkonto nro 13848.
**Polujo:** Halina Weinstein, *Warszawa,* str. Leszno 95.
Izrael Lejzerowicz, *Lodz,* Skwerowa 20. Poŝtkonto nro w. P. K. O. 68273.
**Portugalujo:** Saldanha Carreira, *Lisboa,* Av. Duque de Loulé 50—3
**Rumanujo:** Esperanto-Instituto Rumana, *Cluj,* str. Bravilor 15
**Svedujo:** Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm,* 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578
**Svisujo:** kaj UEA-anoj: Universala Esperanto Asocio, Genéve, 1 Tour d l' Ile poŝtkonto nro 2310.
**Japanujo:** Esperanto Kiboŝa, Joŝiŝi Simomura, *Tokio,* 488 Niŝiookubo
**Usono:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Was.) Sherlok Hotel

### Abonprezo de L. M.

| | | | Tuta jaro | Duonjaro | Kvaronjaro | Opanro |
|---|---|---|---|---|---|---|
| por | aŭstroj | ŝilingo | 12.50 | 6.90 | 3.75 | 1.25 |
| « | belgoj | franko | 62.50 | 35.— | 19.— | 6.30 |
| « | britoj | ŝilingo | 0/7/5 | 0/4/0 | 0/2/2 | 0/0/9 |
| « | bulgaroj | levo | 200.— | 110.— | 60.— | 20.— |
| « | ĉehoj | krono | 60.— | 33.— | 18.— | 6.— |
| « | estoj | krono | 6.70 | 3.70 | 2.— | 0.67 |
| « | francoj | franko | 44.— | 24.— | 13.— | 4.40 |
| « | germanoj | marko | 7.50 | 4.— | 2.20 | 0.75 |
| « | hispanoj | | pagu laŭ franca tarifo | | | |
| « | latvoj | lato | 9.— | 5.— | 2.70 | 0.90 |
| « | jugoslavoj | dinaro | 100.— | 55.— | 30.— | 10.— |
| « | holandoj | guldeno | 4.40 | 2.40 | 1.30 | 0.45 |
| « | poloj | zloty | 15.— | 8.50 | 4.50 | 1.50 |
| « | rumanoj | leo | 210.— | 110.— | 60.— | 21.— |
| « | svedoj | krono | 6.70 | 3.70 | 2.— | 0.70 |
| « | svisoj | franko | 9.— | 5.— | 2.70 | 0.90 |
| « | usonanoj | jeno | 3.80 | 2.10 | 1.25 | 0.40 |
| « | japanoj | dolaro | 2.— | 1.— | 0.60 | 0.20 |
| « | hungaroj | Pengő | 10.— | 5.50 | 3.— | 1.— |

La anoj de landoj, ne menciitaj en la supra listo, pagu laŭ la hungara tarifo.

**Provabonantoj, pagantaj la prezon de unu kaj duonnumero, nur komence de la jaro ricevas la 1-an, 3- ankaj 5-an numerojn.**

---

### Reklamtarifo de L. M.

| | | |
|---|---|---|
| tuta paĝo | P. | 125.— |
| duonpaĝo | P. | 75.— |
| kvaronpaĝo | P. | 45.— |
| okonpaĝo | P. | 25.— |

Por plurfoja enmeto rabato:

| | |
|---|---|
| trifoja preso | 33% |
| sesfoja preso | 40% |
| dekdufoja preso | 43% |

# Al la Vergilia Ŝipo

**J. M. de Heredia**



*Pli helaj astroj viaj for de danĝeroj gvidu,*
*ho brilaj Diaskuroj, di-fratoj de Helena,*
*latinan la poeton, ke sub ĉiel helena*
*li el lazur' leviĝi Cikladojn orajn vidu.*
*Kun pli fervora spiro tre milde lin alridu*
*Japiks': el ĉiuj ventoj aeraj plej serena,*
*per ĝia blov' balzama la velo ŝvelu plena,*
*kaj ĝis la fremda bordo la ŝipo flugrapidu.*
*Tra la Arkipelago, ludejo de delfeno,*
*konduku la Mantuan Kantiston al haveno*
*prospere, al li pruntu, Cignidoj, frat-radion!*
*La ŝip' rompebla tenas ja mian kor-duonon,*
*kiu sur maro sankta, aŭdinta Arionon,*
*al ter' de Dioj portas la grandan Vergilion.*



Al la reviviĝinta revuo kiel saluton kaj deziron por feliĉa navigado dedicas la tradukinto :

*G. Waringhien*

# SALUTO kaj SALUTOJ

Jen ni venas ree, »la knabino ne mortis, nur dormis«. Ni ne volas tro multe paroli pri morto kaj renaskiĝo. Aferoj pasintaj.

Nia programo se ŝanĝiĝis. Ni estas tute senpartiaj, rilate skolojn kaj direktojn, nia sola mezurilo estas la valoro. Evoluigi la literaturan lingvon, perfektigi la literaturan stilon, instigi verkistojn malnovajn, allogi kaj eduki novajn, disvolvi riĉan branĉaron de literaturo originala kaj tradukita : jen nia klopodo. Kaj krome — ni volas amuzi kaj emocii.

Solan specon de artikoloj ni volus malhavi en nia dua periodo, tre frekventitan en la periodo unua, t. e. la plendojn pri indiferenteco, la helpkriojn por subteno. Kaj ni firme esperas, ke ni malhavos ilin. Tute kortuŝaj kaj potence instigaj estas tiu ĝojo kaj varmo, per kiu la Esperanta mondo akceptis nin jam ĝis nun, entuziasmaj salutleteroj montras al ni nian nepran necesecon, la dolorecon de la manko, kiu restis post nia ĉeso. Ni ne povas ne presigi kelkajn el ĉi tiuj salutvortoj, tiom karaj al ni, kaj tiom kuraĝigaj. Krom la bela supre presita traduko de Sro Waringhien, kies dediĉo tiel flate esprimas pritimojn por nia gazeto ekiranta sur la ne ĉiam sekura maro de la Esperanta publiko, jen sekvas letereltirajoj. (Ni volonte presigus ĉiujn, komplete, sed ne eble plenigi la revuon per nia propra ĝojo, oni devas liveri ion ankaŭ por la legantoj.)

Ni kore dankas vin ĉiujn.

Jen do la revuo, via revuo, prenu, kaj disvastigu ĝin, por ke ĝi estu pli ampleksa, pli valora, pli bela, unu el la plej belaj revuoj de la mondo. Ni estas pretaj eĉ je la plej utopiaj eblajoj.

Por iom demonstracii, ni kunmetis la unuan numeron el nuraj originalaj verkoj.

---

. . . Estas granda ĝojo, ke mi legis pri la intenco reaperigi tiun bonegan kometon, kiu aperis sur nia *literatura horizonto kiel refreŝiga lumo, briladis hele* dum mallonga periodo kaj malaperis. Mi ĉiam estis certa, ke ĝi ne estingiĝis. La arta fajro de tiuj hungaraj lingvojonglistoj ne povis estingiĝi, kaj mi estas certa, ke la *revivigita Literatura Mondo brilos* eĉ pli arde ol antaŭe por la bone de nia afero kaj inspiro de ĉiuj esperantoverkistoj . . .

Mi deziras al vi ĉiujn eblajn sukcesojn kaj ĝojos *partopreni en eta garantio ĝis 100 pengoj . . .*

*J. D. Applebaum, Liverpool*

. . . Mi ĝojas pri la revekiĝo de LITERATURA MONDO . . . La gazeto ĝuis vastan famon ĉe ni . . . *preskaŭ ĉiuj esperantistoj sciis pri ĝia ekzisto kaj pri ĝia* kvalito. Nun mi kredas, ke la novajo pri ĝia reapero ĝojigos la tutan bulgaran esperantistaron . . .

*Atanas D. Atanasov, Sofia ĉefdelegito de UEA.*

Saluton, tre koran sinceran saluton al la renaskiĝinta LITERATURA MONDO. Espero, justeco kaj amo regu en ĝi: Espero pri tio, ke abunde ekfloru literaturaj belaĵoj, — justeco por ke homa sentado trovu konvenan interpreton, — amo, por ke nia afero fariĝu amata de la tuta homaro!...

*A. Behrendt, akademiano prez. de Germana Esp. As.*

La fakto, ke LITERATURA MONDO antaŭ kvin jaroj devis morti pro nesufiĉa nombro da abonantoj, ne estas laŭdo por la literatura popolo en Esperantujo. Ĉu nia diligenta kolegaro, kiom ajn diligente ĝi laboru sur la propaganda kampo, tamen ne estas jam sufiĉe matura por kompreni la valoron de tia altnivela kaj belaspekta revuo? Ĉar kompreni ĝian valoron semsignifas: subteni ĝian ekziston — eĉ se tio postulus la mallongigon de kongresvojaĝo je unu tago...

Baziĝanta sur certa financa fundamento; kondukata de plej eminentaj kapoj el la vicoj de niaj literaturistoj; administrata de entuziasmaj neprofitemaj praktikuloj; prezentanta klasikaĵojn, sed prefere aktualaĵojn el la belartoj; ilustrata de unuarangaj artistoj: Literatura Mondo volas revekiĝi tia, kia ĝi ekdormis — la plej bela Esperanta revuo. Ni deziru, ke la publiko akceptu ĝin afable; ĉar ni ĉiam havos la literaturon, kiun ni meritas.

*Paul Bennemann, Leipzig.*

...Mi estas preta aboni tian revuon kaj garantii kapitalon da 150.— pengoj por via entrepreno...

*Narciso Bofill Palma de Mallorca*

Tutkoran bonvenon al la restarigita LITERATURA MONDO. Ke ĝi subtenu la altegan nivelon de beleco kaj delikateco kiun ĝi atingis en siaj unuaj jaroj, estas la fervora deziro de

*Louise Briggs, Leeds*

...via projekto estas gravega por nia Movado kaj vere subteninda... Mi sendas mian ĉekon de anglaj funtoj 4/4/0, sed mi tute ne deziras procentaĵon aŭ rentumon. La mono estas nur por iomete helpi al via entrepreno...

*G. D. Buchanan, Glasgow*

...Post via avizo mi kore deziras, ke per forta literatura ondo denove viviĝu kaj brile prosperu la fama »Literatura Mondo« !

*P. Christaller L. K. Stuttgart*

Via letero tre ĝojigis min... ĉar mi fidas, ke la entrepreno estos bona kaj en la movado necesa, mi tutkore bondeziras al vi... Sed ni ja povas esti certaj antaŭe jam, ke la afero bone marŝos. Tenu do en viaj manoj mian certigon pri efika kunhelpo...

*Andreo Cseh. Haga fondinto de la Cseh-Instituto.*

Finiĝas plej granda skandalo de l' dudeka jarcento: la verda lokomotivo fine ricevas la delonge bezonatan novan vaporon — — !

Mi gratulas la kuraĝajn hejtistojn dirante: se vi ĉi tiun fojon sukcesos per LITERATURA MONDO krei daŭran literaturan centron, la movado *faros saltegon antaŭen*! Ĉar la literatura afero ĉiam ludis kaj ludos plej gravan rolon en la Esperanta movado. Sen literaturo propra — nenia popolo, sen spirito propra — nenia lingvo vivanta!

*Jean Forge.*

...Kun granda ĝojo mi salutas vian kuraĝan decidon, ree eldoni Literaturan Mondon... Akceptu... tre sinceran bondeziron por la sukceso de via entrepreno, kiun mi volas rigardi ankaŭ kiel nian entreprenon...

Estis jam vere tempo por fari tion: antaŭ la milito ni havis Revuon kaj L. I. ne kalkulante kelkajn aliajn.

*R. Hromada, redaktoro de La Progreso, Praha kaj membro de ICK.*

...Kun ĝojo mi vidis signon de novapero de la tre ŝatata Literatura Mondo... Ĝi certe vivos, floros, venkos.. Mi garantias 100.— pengojn...

*Sam Jansson, rektoro Lidingö*

Ekzistas esperantistoj, al kiuj mankas la varmo de nia »verda kulturo«, la entuziasmo, kiun ĝi enspiras en ĉiun senteman koron. Ili estas esperantistoj, kiujn oni devas ankoraŭ finesperantigi, ĉar ilia nuna esperantisteco estas duona, nekompleta.

Ili ĝenerale vidas en Esperanto ian teknikan inventon, kiu prezantas al la mondo nurajn praktikajn valorojn. Tute ne penante penetri en tion, kion ni jam kreis sur kampo de bela literaturo, ili — ne spertaj — asertas, ke nia lingvo ne rajtas pretendi je idiomo literatura aŭ poezia, ĉar ne tio estas ĝia vojo aŭ celo.

Kontraste al tiuj, ekzistas esperantistoj, kiujn talento literatura inspiris — kaj jen ili dum multaj jaroj fleksas nian lingvon en la fandejo de l' Bela Parolo. Milfoje ili jam pruvis la literaturan kaj poezian taŭgecon de Esperanto kaj iliaj laboroj fariĝas pli kaj pli imponaj, pli kaj pli ĝojige surprizaj.

Okaze de reapero de »Literatura Mondo« mi do tutkore deziras, ke ĝi fariĝu la spirita komuna fokuso, el kiu disradiu lumo de la verda Parnaso, lumo, konvinkonta la duonajn esperantistojn, kaj aspergonta per heleco la spiriton de tiuj aliaj, kiuj tiun helecon soifas.

*Izrael Lejzerowicz, L. K.*

Antaŭ mi kuŝas impona volumo: la bindita LITERATURA MONDO de oktobro 1922a ĝis aprilo 1926a. Kia abundo de legaĵo zorge elektita, interesa, bela kaj bonstila! La esperantista koro pleniĝas je fiero...

Bona ideo ne povas morti! Ĝoje ni vidas reviviĝon.

Kion ni esperas de la nova LITERATURA MONDO? Ĝenerale: ĝi estu inda je sia tradicio. Speciale: ĝi konigu al ni la originalaĵn verkojn de niaj plej bonaj Esperanto-poetoj, donu specimenojn de la plej interesaj verkoj el ĉiuj partoj de la mondo, raportu pri la novaj aperaĵoj de la esperanta libromerkato (detale, serioze, sincere juĝante) kaj pri valoraj malnovaj Esperanto-verkoj, ĝi instruu nin pri modernaj celadoj en la naciaj literaturoj kaj pri la spirita kreado de malgrandaj aŭ malmulte konataj popoloj. Se krome ĝi ankaŭ enhavos iom pri arto kaj artistoj kaj eĉ estos bone ilustrita, ĝi jam donos pli ol ni rajtas postuli. Kaj kion ĝi nepre evitu? Ĉion enuigan, versojn mezkvalitajn, pekojn kontraŭ la sankta gramatiko kaj neregulecon en la aperado.

Konante la nomojn de la redaktontoj, ĉiu bona esperantisto havos konfidon kaj — abonos!

*Dr. Walter Lippmann, akademiano, Leipzig.*

Hodiaŭ mi relegis en malnova numero de LITERATURA MONDO la poemon »Patrineco« de K. Kalocsay. Ĉiu ajn lingvo povas envii pri tia literatura trezoro. La lingvo, sur kies lango ĝi estis kantata, estas vere vivanta lingvo; kiu diras, ke ne, tiu nepre mensogas! La revuo, kiu igis nin ĝui tiajn perlojn, devas vivi.

Mi kore gratulas por la reviviĝo. Se mi posedus oron kaj arĝenton, mi per ĝi »patronus«, nun tamen restas al mi nur deziri al la nova LITERATURA MONDO bonan sukceson, bonan prosperon dum longdaŭra riĉa vivo. *Paul Nylen, akademiano Stockholm.*

...Mi simpatias vian entreprenon kaj volonte ĝin helpos en Usono...

*D. E. Parrish, Buffalo ĉefdelegito de UEA.*

...Mi ĝojas, ke tiu belega revuo kun kutime interesa enhavo baldaŭ reaperos sur la esperantista kampo, sub la gvido de Kalocsay...

*G. Ramboux, Far's red. de Espero Katolika*

...pardonu la skribajn erarojn; mi ne plu legis ESPERANTON depost la malaperado de la bela L. M....

*S-ino Luise Riedle, Altstetten*

Mi ne tuj kredis, estas do vere: LITERATURA MONDO reaperas... La esperantaj verkistoj nun povas denove ekverki kun la espero, ke iliaj manuskriptoj ne sole servos por polviĝi en la tirkesto...

Samkiel popolo, Esperanto nur grandiĝos per sia literaturo... *Jan van Schoor, Antwerpen*

... Ho, kiel arde ni malnovaj anoj de Zamenhof ĝojas pro tiu ĉi refondiĝo, kiel altajn esperojn ni ligas al la kuraĝa agado de la eldonistoj! Certe LITERATURA MONDO estos la legitima heredanto de la »Revuo« de la antaŭa gazeto kun la sama nomo. Verkistoj de la tuta mondo atingos la orelon de la mondo, ili realigos la fieran sonĝon de Goethe, ke la plej alta kion homa cerbo en kiu ajn angulo de la tero ekpensas, fariĝu spirita posedaĵo de ĉiuj homoj. La LITERATURA MONDO kunhelpos evoluigi Mondliteraturon.

*O. Simon L. K.*

Kiam, la 16-an de marto 1922. mi konatiĝis al Esperanto pro parolado de s-ino Blaise, interesis min nur la internacia kaj homarisma flankoj de nia afero... 19 jara, mi multe legis, sed nur en angla lingvo. Lernante Esperanton, mi eklegis sen granda intereso la klasikajn verkojn, ĝis iun tagon mi hazarde legis en la Sudlondona Esperanto Klubo »La Taglibro de Vilaĝpedelo« tradukita el dana lingvo de H. J. Bulthuis. De tiam mi estis entuziasma pri la literatura flanko de nia afero; hodiaŭ mi eĉ kredas ĝin la plej grava flanko, se oni vere celas interkompreniĝon inter diversaj popoloj.

Por evoluigi tiun flankon de nia movado, LITERATURA MONDO estas urĝe bezonata kaj bonveninda, kaj la gazeto ĉiam ricevos mian subtenon kaj kunlaboron.

*K. R. C. Sturmer, ĉefredaktoro de International Language, London.*

.... kun vera ĝojo mi legis pri reapero de LITERATURA MONDO, ĉar ni bezonas ĝin tiom, kiom nia lingvo bezonas literaturon...

Espereble ni restos unu al la alia jam fidelaj!

*J. Šupichová, Praha*

... En la mondon revenis nova sento. Nova sciigo. Aŭskultu ĉiuj! Ĉiuj! Tiuj kies velkiĝanta spirito sopiris, tiuj, kies animo ankoraŭ ne vekiĝis, tiuj, kiuj jam perdis ĉiun esperon.

Aŭskultu!

LITERATURA MONDO ree vivas... Hosanna!...

*E. Wiesenfeld L. K. Warszawa.*

Eligi el la grizeco de l' mondo, precipe postmilitaion, kio indas porti nomon »artliteraturo« por transporti ĝin en mondon alian, pli radian, — literaturan, estas tasko altvalora, sed — nefacila. Plej ofte ni renkontiĝas kun netaŭgaĵoj, kies valoro same lingva, kiel literatura ofte ne ĝiskreskas eĉ la lokon, kie ili aperas. Kaj kontraŭe.

Mi havas amikon, kiu ofte legas al mi siajn altvalorajojn en Esperanto, petante pri opinio. Demandata, kial li ĉion portas en la poŝo kaj ne publikigas, li faris grimacon, kvazaŭ volante diri: — kie?

Kaj kiam mi montris al tiu ĉi strangulo la prospekton de L. M. li post atenta tralego ekridetis.

— Se laŭ la prospekto estos — la aspekto...

Do en la nomo de tiu ĉi eble troa ambiciulo — mi direktas al la redakcio peton:

Estu konsekvenca!...

*Feliks Zamenhof, L. K. Warszawa.*

---

Krome, pro manko de loko, kiel ajn dolore estas, ni devas rezigni pri la cito de karaj kaj spritaj kaj animantaj leteroj de: L. *Dreher* L. K. Krakow, J. H. *Krestanow* L. K. Pirdop; Delfi *Dalmau*, V. *Bonde*, Falun; Fedrique *Fernandez*, Mexiko; Saldanha *Carreira*, Lisboa; H. *Bonnevie*, Oslo; H. E. *Roberts* Accrington, *Győri Nagy* István, Miskolc; Ludoviko *Nemessanyi* Budapest ktp. ktp.

---

## Familiopatro

— K. Kalocsay —

*La am' ebria iĝis edzodevoj.*
*Edzin' — feino ĉe la enamiĝo —*
*Dikiĝis, grumblas hirte, en negliĝo,*
*De ŝia kapo falis kron' de revoj.*

*Junaĝaj sonĝoj estis trompimagoj.*
*Kaj restis: zorg' pri vesto kaj pri pano;*
*Laceco, tremo dum infanmalsano,*
*Treniĝo sub la ŝarĝ' de grizaj tagoj.*

*Ho, kaptas ofte lin dezir' ribela:*
*Elsvingi el la jugo sian nukon,*
*Ekflugi al la vivo dande bela —*

*Sed devoj vokas, baras al li flugon.*
*Ĉenite firme al la rad' muela,*
*Li klinas kapon sub benitan jugon.*

## Maljuna fraŭlo

— K. Kalocsay —

*Vesperoj gaje pasas en kazino:*
*La glasoj tintas, li la fumon blovas.*
*Promene li ĉapelon flankenŝovas*
*Kaj dande turnas sin post belulino.*

*Senzorge, ĝoje li tra l' viv' promenas:*
*Edzina plend' kaj aro da infanoj,*
*Kun bruaj ludoj, ploroj kaj malsanoj,*
*Per hejmaj zorgoj lin neniam ĝenas.*

*Sed ofte, se el amikfamilio*
*Li venas, jen, eksangas, kvazaŭ vundo,*
*En lia brusto akra nostalgio*

*Je l' hejm', kiun sur sia vivogrundo*
*Li ne konstruis. Kaj kun apatio*
*Li ĝemas: »Morti sola kvazaŭ hundo.«*



# ŜKATOLETO DA ĈOKOLADOJ

K. R. C. STURMER (LONDON)

Fraŭlino Pike estis dudekjara vendistino en librobutiko en la Londona kvartalo Putney. Ŝi ne estis bela kaj konsciis ĉi tiun fakton pli multe, ol ŝi konfesus. Tamen, ŝia aspekto ne estis malplaĉa: kiam ŝi ridis ŝiaj bluaj okuloj iom incite allogis; ŝi estis bonkora, kaj ŝi havis plurajn amikojn inter la junuloj de la preĝeja klubo. Tiuj kutimis diri inter si, ke oni povas paroli al Dorotea, kaj tamen forgesi, ke ŝi estas fraŭlino; per tio ili intencis komplimenton kaj Dorotea, aŭdinte la rimarkon, certe estus taksinta ĝin komplimento.

Ankaŭ tion ŝi taksis komplimento, ke la junuloj neniam proponis pagi por ŝi, sed ĉiam lasis ŝin pagi por si dum ekskursoj aŭ vizitoj al kino. Kion ŝi ne ŝatis, tio estis ilia kutimo demandi en teatro aŭ kino, ĉu plaĉus al ŝi skatoleto da ĉokoladoj? Malofte ŝi sciis, ĉu vere la junulo senĝene disponas pri la mono, aŭ ĉu li demandas nur pro amikeco, kvankam kelkaj ĉokoladoj ja tute kompletigas la bildon, kaj oni apenaŭ povas kontente fumadi dum la kunulino kvazaŭ nenion faras. Pro la timo, ke ŝia jesa respondo eble embarasus la junulon, fraŭlino Pike kutime asertis, ke ĉokoladojn ŝi ne tre ŝatas, dankon. (Efektive ŝi tre ŝatis ilin.) Tia rifuzado estis akirinta por ŝi la famon, ke jen, nur en tiu eta punkto ŝi strangas.

Hodiaŭ, tamen, Fraŭlino Pike sentis sin iomete ribelema. Ŝi sidis en la teĝardeno de la Episkopa Parko, apud tiu parto de l' Tamizo, kie okazas la remkonkuro inter la universitatoj de Oxford kaj Cambridge. Estis sunbrila tago, la homoj portis dimanĉajn vestojn, la apude ludantaj infanoj ŝajnis escepte amindaj, kaj ŝia kunulo estis iom ŝatinda bubo, freŝkolora, puraspekta, plaĉe naiva.

Ŝi rigardis lin tute rekte. Li estis fumanta sian postmanĝan cigaredon, rigardante for al la rivero. Ŝi observis la lanugon sur lia vango, sentis etan deziron manfroti ĝin, iom scivoladis pri liaj pensoj, pri lia personeco entute.

Oni rimarkis lin unuafoje ĉe la diservo antaŭ kelkaj monatoj, poste li aliĝis al la junula klubo, kaj ĉe unu el la dancoj la parohestredzino kondukis lin al Fraŭlino Pike, dirante: »Jen, Sinjoro Blake volas danci kun vi«. Li staris, ŝajne iom embarasite pro la artifiko, tiam ruĝiĝante petis dancon, poste pardonon pro sia mallerta paŝetado. Dum la vespero li denove petis dancon de ŝi, sed de neniu alia. Fraŭlino Pike rimarkis, ke li foriris sen diri »bonan nokton« al iu.

Li venis al pluaj dancoj, sed kutimis nur rigardi, krom unu-du dancoj kun Fraŭlino Pike. Ŝi provis iom paroligi ŝin, eksciis, ke li nur lastatempe venis al Londono, ke li loĝas kun sia patrino, estas solinfano; li konfesis sin iom naiva, en tre ĉarma maniero, petis, ĉu ŝi konsentus promeni kun li aŭ viziti kinon iam. Ŝi tiam konsentis kaj ankaŭ plurfoje poste kaj ĉiam trovis, ke li estas ŝatinda, tamen li posedas la saman ĝenan kutimon, demandante ĉu plaĉus al ŝi skatoleto da ĉokoladoj.

Fine nun ŝi volis meti sian kolereton en vorta formo. Kial ne? Ankaŭ li ja ofte demandis ŝin malkaŝe, kiel oni kondutu kontraŭ fraŭlinoj kaj montris sin sciavida pri moretoj inter junuloj pri kiuj li devis konfesi sian senorientecon.

»Mi lastatempe pensadis, Karlo.«

»Ĉu vere? Jes?«

Bone, ke li tiel simple respondas, ne per la mokspritaj frazoj, per kiuj aliaj junuloj respondus tian rimarkon.

»Ke la junuloj estas ofte iom stultaj, eĉ kiam bonintencaj. En multaj aferoj, sed speciale en unu, mi rimarkis.«

Ŝi haltis momenton, elpensante vortojn, frazojn; ŝi ne kutimis fari tiajn paroladojn, sed ĉi tiun fojon ŝi sentis elokventemon.

»Kompreneble, nuntempe, kiam junulo kondukas amikinon al kino aŭ teatro, li plej ofte lasas, ke ŝi pagu por si. Tute juste nun, kiam ankaŭ la fraŭlinoj laboras, kaj kelkfoje havas tiom aŭ eĉ pli da mono ol la junuloj. Kompreneble troviĝas multaj fraŭlinoj, kiuj ĉiam lasas, ke junuloj pagu por ili, sed ordinare, se la fraŭlino ne estas escepte bela, aŭ, nu, ĉiuokaze, jen fakto, ke ĝenerale la fraŭlinoj ne atendas, ke la junuloj pagu, escepte se li tre volas, kaj ŝi scias, ke li disponas pri la mono, tio estas...«

Ŝi devis halti, por retrovi sian vojon. Li ŝajnis atentema, interesata de ŝia parolo, ŝi sentis sin kuraĝigita.

»Sed kiam en la kino ofte la junulo stulte demandas, ĉu plaĉus al ŝi skatoleto da ĉokoladoj. Nu, jen stulte, ĉar plej ofte ŝi ne volas embarasi lin, kaj ne scias, ĉu vere li povas disponi la sumon. Nu, kelkfoje ŝi ne volas ĉokoladon kaj diras *ne*... tio estas, ŝi ne treege volas, ĉar kompreneble oni povas ĉiam... nu, ĉiuokaze ŝi kelkfoje tre volas kaj tamen diras *ne*, kvankam eble li ja havas monon, kaj, nu, kiom pli saĝe estus, se li havas monon, ke li aĉetu sen demando, ĉar oni ĉiam... aŭ kontraŭe, ke li silentu. Tiam estus pli bone, se li aŭ aĉetus, aŭ ne demandus, tio estas...«

Ŝi denove haltis por kolekti la pensojn, rigardis lin. Li nenion diris, sed kapjesis kelkfoje, same kiel post similaj admonetoj antaŭe. Fraŭlino Pike sentis, ke ŝia elokventeco estis sufiĉa kaj efika, kaj ŝi decidis ne pli diri pri la temo.

»Ĉu ne amindaj infanetoj?« ŝi diris, rigardante al kelkaj bubetoj ludantaj sur la laŭno. Jes ja, li konsente ridetis. Fraŭlino Pike denove taksis lin ŝatinda junulo.

Du semajnojn poste Fraŭlino Pike eniris la kinejon kun Karlo. Li estis farinta la proponon, ĉar la filmo estis »Spitedzino« de Buster Keaton, ilia preferata rolulo. Ŝi sentis, ke feliĉa vespero kuŝas antaŭ ŝi; ŝi ĝojis, ke, kvankam ŝi ne estas bela, kaj junuloj ne postkuras ŝin, tamen ŝi povas havi kunulon tiel plaĉan, kiel Karlo. Ŝi admiris lin, rigardante lin, dum li aĉetis la biletojn. Li havas rektan figuron, portas belajn vestojn, kaj la lanugo estas ĉarme kaj absurde multe sur la vangoj, efektive karesinda!

Post barakto kontraŭ la mallumo, barakto, el kiu oni povis tiri amuzon, oni trovis sidlokojn, kaj komfortigis sin. La filmo estis negrava, nur post la intervalo montriĝos la granda humoraĵo. Subite lumiĝis por la intervalo, kelkaj homoj eliris, kelkaj envenis, malproksime Fraŭlino Pike vidis la bombonvendistinon, kaj rememoris, kio ankoraŭ estus necesa por la plena ĝuo de la vespero. Efektive, ŝi sentis, ke ĝuste nun ŝi povus plej bone aprezi kelkajn ĉokoladojn, kelkajn el tiuj, kun la kremcentroj, eĉ la

ĝustan fabrikmarkon ŝi konas. Ŝi sciis, ke estas nenia malhelpo, ĉar Karlo gajnis la oficejan lotadon en tiu semajno, kaj havis grandan ĝojon pri sia nekutima riĉeco.

Ŝi vidis iom post iom alproksimiĝi la vendistinon, kaj de tempo al tempo vendi skatoletojn. Ŝi komencis ripeti al si la fabrikmarkon, antaŭgustumi la enhavon de la skatoleto.

Karlo cerbumis pri alia afero, ĉu li rajtas jam uzi ŝian familiaran antaŭnomon. Sendube jes, same kiel ĉiu alia junulo ĉe la klubo, tamen necesas iom da kuraĝo, eble. Li subite maltimis, klinis sin antaŭen, diris :

«Diru, Enjo, ĉu plaĉus al vi skatoleto da ĉokoladoj ?»

* * * *

Dum la tuta cetero de la vespero li devis scivoladi kaj cerbumi pri la akreco de ŝia unusilaba neo, kaj ŝia posta silentado.

# HALINJO

## LIDJA ZAMENHOF

— Ueeee . . . Ueeee . . .

— Denove vi krias, Halinjo ? Tuj ĉesu, aŭ mi vin forpelos ! Nur ĝentilaj infanoj rajtas venadi ĉi tien ! Kial vi ploras ? — Tiel parolis servistino al tri jara, ploranta knabineto.

Halinjo staris premita al la muro, kun levita kapeto kaj fermitaj okuloj. Larmoj fluis sur ŝiaj malpuraj vangoj, la haroj estis malordigitaj.

Ŝia patrino foriris kaj lasis ŝin ĉi tie. Ŝi kriis, ĉar ŝi sopiris al la patrino.

Tiaj scenoj ofte okazadis en la kuirejo.

Halinjo loĝis kun la patrino en la sama domo, en unuĉambra ejo sur la kvina etaĝo. Ŝia patrino, malriĉa kudristino, ne havante propran kudromaŝinon, ofte devis iradi al sia konatino, por fini ĉe ŝi menditan laboraĵon. Kunprenadi la infanon estis maloportune, ŝi do lasadis ĝin al zorgado de la kuiristino, servanta ĉe la advokato sur la dua etaĝo. Dorlotojn kaj karesojn ŝi spertis tie neniam, puŝojn kaj insultojn — tre ofte; ŝi estis tamen nutrata kaj gardata de la servistino.

Oni ne povis nomi ŝin feliĉa infano. Ŝi sciis, ke ŝia patro ne estis sinjoro Mateo, ĉe kiu ili loĝis, sed la aŭtomobilgvidisto en pelta mantelo kaj ĉapo, tiu sama, kiu iam, en momento de bonhumoro aĉetis al ŝi longan, ruĝan bonbonon. Tro juna, por kompreni diversajn sociajn problemojn, ŝi sentis tamen, ke tiu paĉjo apartenis al iu malpli bona speco de patroj, kiuj fariĝas patroj de tiaj knabinetoj nur tute hazarde kaj preskaŭ tute ne interesiĝas pri siaj, ofte nekonataj infanoj.

Kiamaniere ŝi vivis — estas enigmo.

Malbone nutrita en la suĉaĝo, elfalinta kelkfoje el la lulilo, ŝi tamen vivis kaj komencis marŝi. Havante tiun aĝon, en kiu paŝoj de infanoj estas ankoraŭ zorgataj de vartistinoj, ŝi bezonis jam nenies helpon kaj ruliĝis kuraĝe de la spirala ŝtuparo de l' kvina etaĝo al la dua. Kelkfoje ŝi falis de kelkaj ŝtupoj kaj plenigis la tutan domon per plenda krio : tiam el diversaj kuirejoj kunkuradis servistinoj, kompatis, insultis kaj konsoladis ŝian doloron per tuketo, trempita en malvarma akvo, aŭ per kelkaj kuleroj da supo, restinta post tagmanĝo. Kelkfoje ŝi perdiĝis, marŝante kun la patrino tra stratoj ; ŝi elsaltadis preskaŭ el sub aŭtomobilaj radoj kaj ĉevalaj hufoj, ŝi tamen vivis, spite ĉion. Ŝi vivis kaj havis bonan apetiton. La servistino, ŝia nutrantino, miris kaj koleris, ke la malgranda knabineto manĝis pli multe, ol ŝi mem, kaj ofte eĉ iris ankoraŭ frapi al najbaraj pordoj, petante, ke oni ŝin enlasu kaj permesu fari ordon en la potoj.

Ŝi sciis pacience atendi antaŭ fermita pordo. Ŝi malsuprengrimpadis spiregante, kaj, haltinte antaŭ la pordo, vokis. Ŝia voĉo estis tiel plena de fido, ke ŝi ne petis ; ŝi sciis, ke ŝi devas esti enlasita, kaj vokis preskaŭ ordone : »Manjo, malfermu !« Ŝi povis voki pacience per la sama tono iafoje eĉ duonhoron, se la servistino ne estis en la kuirejo, aŭ, havante malbonan humoron, ne volis ŝin enlasi. Sed fine ŝia pacienco elĉerpiĝadis. »Maanjo, malfermuu…« kriis ŝi per la tono, en kiu al la antaŭa fido miksis sin plendo. Se oni ne obeis tro longe, ŝi eĉ sciis kolere kaj forte frapi la pordon per la pugneto.

Kiel ĉiu infano, ankaŭ ŝi bezonis havi ludilojn. La plej



K. Baltgailis : *Postsignoj de milito*

luksa estis vaksa pupo, per kiu iu pli feliĉa knabineto jam delonge ne volis ludi. Tiu ĉi pupo ne havis la suprajon de la kapo, mankis al ĝi brakoj kaj la okuloj estis elpikitaj — sed tion Halinjo ne atentis. Ofte ŝi endormiĝis vespere sur la kofreto de Manjo aŭ en angulo de la patrina lito, tenante sian Zonjon en la brakoj. Ŝiaj aliaj ludiloj estis kelkaj ilustritaj poŝtkartoj, kartona skatoleto kaj malgranda tabureto, kiun oni povis renversi kaj fari ĝin aŭtomobilo, same bona, kiel tiu gvidata de la patro.

Kiam ŝi finis la kvaran jaron de l' aĝo, en ŝia vivo okazis ŝanĝoj. Manjo, la servistino, malpaciĝis kun sia sinjorino, kaj forlasis la oficon. De nun la pordo de la kuirejo estis por la infano ĉiam fermita, surda kontraŭ petoj, ordonoj kaj plendoj. De nun ŝi ne nur ofte estis malsata, sed devis restadi hejme sola kun Mateo, kiu ne estis favora por la infano de la kunloĝantino. La senĉesa ĉeesto de Halinjo incitis lin kaj akrigis lian jam streĉitan rilaton kun ŝia patrino.

Unu fojon Mateo, invitinte al si kelkajn kamaradojn, aĉetis por la regalo panon, kolbason kaj brandon. Alportinte la pakaĵon, li refoje eliris. Reveninte, li konstatis mankon de granda parto da kolbaso kaj la konfuzita mieno de la infano estis sufiĉa klarigo pri tio, kio okazis. Tiu ĉi rabo indignis Mateon kaj, ne atentante, ke la kulpulino estas nur malgranda, malsata infano, li krude insultis ŝin, kaj, ŝirinte je la oreloj, puŝis ekster la pordon. La patrino trovis ŝin plorantan sur la ŝtuparo, sed kiam ŝi kondukis ŝin supren, la pordo de la loĝejo estis por la ambaŭ fermita. Kvankam post reciprokaj insultoj ili fine eniris, la rilato kun la loĝejmastro fariĝadis ĉiam pli malbona. La kaŭzo de tio estis grandparte tiu cirkonstanco, ke depost pli ol duonjaro, ne havante monon, la malriĉa kudristino pagadis la luopagon per valuto, neakceptebla de bankoj kaj moralistoj. Dum certa tempo Mateo grandanime toleris tion, sed antaŭ nelonge li konatiĝis kun iu pli bela virino, kiu serĉis loĝejon kaj komprenigis al li, ke ŝi ne estus tro kontraŭstarema...

Fine la patrino kaj la infano restis sen tegmento super la kapo. Trovi ĉambron estis neeble. Eĉ fiaj budoj estis en tiu malfacila tempo altege taksataj... Amikojn ŝi ne havis kaj parencoj turnis al ŝi la dorsojn post la naskiĝo de Halinjo. Du noktojn ili pasigis en kelo, zorge kaŝante sin de la domgardisto. La trian tagon, post kelkhora vagado tra la urbo ŝi tralegis en ĵurnalo malantaŭ fenestrovitro de iu redakcio anoncon: »Oni bezonas servistinon por ĉio.« Car la adreso montris tre malproksiman straton, ŝi sidigis la infanon sur benko en urba ĝardeno: »Sidu ĉi tie, Halinjo, kaj atendu min ĝentile. Mi baldaŭ revenos kaj eble ni jam dormos oportune en tiu ĉi nokto.« Kaj ŝi ekiris serĉi laboron kaj rifuĝejon.

Halinjo sidis sur la benko kaj atente rigardis ĉirkaŭen. Aŭtuna vento pelis amasetojn de falintaj folioj kaj turnadis ilin spirale ĉirkaŭ nevidebla akso. Sur nudaj branĉoj grakis kornikoj, are flugantaj de arbo al arbo. Gajaj infanoj serĉis sur la herbejoj kaŝtanojn por fari el ili longajn kolringojn. La aleon trapasis bela, rozvanga knabeto, per unu mano konduk-




K. Baltgailis: *Latvaj militistoj dum la milito*

ata de vartistino kaj en la alia tenanta grandan, ruĝan balonon. Halinjo ankaŭ havis iam balonon kaj longe funebris, kiam ĝi perdis la brilon kaj ne volis plu flugi al la plafono. Panjo donacis al ŝi tiun balonon. Ĉe la penso pri panjo la knabineto eksentas sopiron. Panjo malofte dorlotis ŝin, ofte batis, sed ŝi ja estis la panjo, kiun Halinjo tre amis, kvankam ofte malobeis ŝin. Io premas ŝian koreton kaj la buŝo faras grimacon, kvazaŭ al ploro. Ho, kial panjo ne revenas tiel longe? Blovas pli forta vento, baldaŭ krepuskiĝos; Halinjo estas malsata, do ŝi mem iros al panjo. Ŝi desaltis de la benko kaj komencis per etaj paŝoj marŝi tra la aleoj. Baldaŭ ŝi troviĝis apud la ĝardena pordego kaj eliris en la straton. Neniu haltigis la solecan infanon, neniu demandis, kien ŝi iras. Momente ŝi haltis, timigita de la strata movado, meze de kiu ŝi staris sola, sen panjo, sen ies ajn helpo. Poste ŝi komencis rigardi ĉirkaŭen. Pasas diversaj personoj, sed panjo ne estas inter ili. Atentu, tie trans la strato iras virino, kvazaŭ al iu rapidante — ĉu ŝi ne estas panjo!?

Halinjo ekkuris antaŭen trans la strato, sed en la sama momento apud ŝiaj oreloj eksonis aŭtomobila fajfilo. Ŝi ne sukcesis trakuri. Faligis kaj traveturis ŝin aŭtomobilo, portanta gajajn gesinjorojn. Oni haltigis ĝin, levis la vunditan infanon. Aperis policano kun notlibro. La aŭtomobilisto estos punita pro la malatenta veturado: li pagos monpunon kaj eble eĉ dum certa tempo ne rajtos gvidi aŭtomobilon. Ke la traveturita de li infano estis lia propra filino, tion oni ne sciis, tion eĉ li mem ne rimarkis.

Sur hospitala lito kuŝas malgranda knabineto, grave vundita per aŭtomobilo. Ŝian nomon oni ne konas, do neniu estos sciigita pri la akcidento. La zorgema flegistino, kiu klinas sin super ŝia lito, ne estas ŝia panjo. Ho, kiam panjo venos? ŝi atendas ja tiel longe! Vespera krepusko regas en la ĉambro — la kvietiganta krepusko kaj silento. La knabineto ne dormas, sed komencas sonĝi. Jen pasas la knabo kun la balono, jen dancas la aŭtunaj folioj. Ili turnas sin rapide, spirale leviĝante kaj kreskante, kaj ensorbas la infanon, kiu troviĝas meze de tiu vortika turnado. Jen ili formas ŝtuparon, tiun bone konatan de ŝi ŝtuparon, kiun ŝi nun malsuprengrimpas. Sed ŝi grimpas, pelata de ia teruro, malfacile, rapidante, senfine, ĉiam pli malsupren. La spirala ŝtuparo turnas sin ĉirkaŭ sia vertikala akso, en la kapo turniĝas, mankas spiro... Kiel malfacile estas hodiaŭ grimpi malsupren! Ŝvito ŝin kovras. Sed jen proksimiĝas la fino. Jen la amika pordo, al kiu ŝi tuj frapos kaj estos enlasita en luman, belan ĉambron, kie ŝi ripozos sur la genuoj de la patrino. Nur kelkajn paŝojn ankoraŭ! Ŝi streĉas la fortojn forlasantajn ŝin — jen la fino. Ĉio paliĝas, ĉio malaperas, solvas sin, kaj en io, estanta nek lumo, nek mallumo, eksonas nur ŝia raŭka, flustra voĉo: »Manjo, malfermu!«

---

# Kio nun ankoraŭ ne estas, sed morgaŭ jam povas esti

**FREDERIKO KARINTHY**

Ĉar, espereble, vi ne kredas, ke jen estas jam ĉio. Mi estas konvinkiĝinta, ke la homa psiko eĉ ne konjektas ankoraŭ, kian donacon — pere de la genio — li ricevis de Dio, kiam la unuan ekkrakantan elektrofajreron kaptis la unua koherero — ĉefgajno estas lotita al ni, sed ni eĉ ne konjektas la grandon de la sumo.

Ludilo falis en niajn manojn, sen instrukcio pri uzo. Kaj nun ni provadas, ĵetadas, turnadas, movadas la turnilon kaj la levilojn. Ni violonas, ni pianas per ĝi. Ni jam konjektas, ke ĝi estas societa ludo. La plej grandskala el ĉiuj ĝis nun donitaj al la loĝantoj de la eta globforma infanĉambro.

Jen, antaŭ kelkmil jaroj novan epokon ekevoluigis ja multe pli sensignifa, pli naiva ludilo, al kiu ni dankas entute nur tiom, ke ni scias pri la ekzisto de la Globo, kaj pri nia ekzisto, reciproke, terloĝantoj. Ĝi estis ferbastoneto, nur tiom diferenca de aliaj fersplitoj, ke la sama finaĵo ĉiam montris saman direkton.

Sen ĝi la Sokrato kaj Homero kaj Aristotelo de la XX. jarcento eĉ nun ne scius pri Ameriko, ekzemple.

Sed estis kompaso kaj ni ekscius, ke vivas fratoj niaj tie kaj tie, proksime, kaj ni ekvojis, kaj vizitis kaj ekkonis unu la alian, kaj ĉirkaŭiris la jarcentan, praan infanĉambron, esploris pordon, fenestron kaj deposte ĉiam, havante ion por aranĝi inter ni, ni ekvojas, per piedoj plilongigitaj je fervojo kaj aŭto kaj ŝipo, per brakoj kreskigitaj je flugiloj, ni ekvojas, por intervidi kaj interparoli.

Nun komenciĝas io nova. Ĝi nur komenciĝas, grave! — ankoraŭ oni devas alkutimiĝi pense, ke ekzistas radio, kaj tio bezonas tempon — ankoraŭ longe ni sidos en la malnova pensmaniero kaj ne povos


K. Baltgailis: *Latvaj milististoj dum la milito*

rekoni ĝian veran signifon, se nur ne per pura spekulado.

Malfacile ni rekonos, ke baldaŭ estos superflue viziti unu l' alian, terloĝantoj, por vidi kaj aŭdi unu l' alian ; komunikiĝi persone : ĉi tio necesigas la korpan ĉeeston reciprokan nur por tiuj, kiuj havas por fari inter si ion plian krom vidi kaj aŭdi. Do — koncize kaj sincere — ekskluzive la amon, ĉiu cetera sensa manifestaĵo, kiu pri nia homfrato estas por ni valora : lia vizaĝo kaj lia staturo kaj liaj movoj kaj lia voĉo estas al ni donitaj sen tio ke ni estas en la sama loko.

Ĉio ĉi, per aliaj vortoj, el la vidpunkto de la pura geometrio, signifas, ke la komunikiĝo, krom la *aliro*, havas ankaŭ alian solvon, la *aperigon*. Por ekkoni la mondon de akvoguto, du eblaĵoj sin prezentas: fariĝi amebo, aŭ rigardi ĉi tiun mondon tra mikroskopo : ni, homoj, elektis ĉi lastan eblon. Kaj por veni en la Marson, same estas du eblaĵoj. La unu (pli malfacila) estas la raket-ŝipo, la alia estas la perfekta projekcia aparato, kiu alĵetas por mi laŭ ĉiuj senseblaĵoj tiun malproksiman mondon.

La projekcio estas reciproka kaj perfekta. Sed se en ĉiu ajn punkto de la mondo mi povas vidi kaj aŭdi ĉiun ajn punkton de la mondo, (jen, kio, maksimume post kvindek jaroj, nepre eblos) la problemon de la Spaco por la homa individuo oni povas rigardi same solvita, kvazaŭ oni estus ĝin solvinta per perfekta komunikado.

Se Parizon mi povas vidi kaj aŭdi en la ĉambro kaj se Parizo povas min en mia ĉambro vidi kaj aŭdi, mi ne bezonas iri Parizon — ĉu ne evidente ?

Sed se nenien mi devas iri por ekkoni ĉion — kian celon do havas mia vivo ? Ĉu mi staru en unu loko, kvazaŭ roko — ĉu tio estus vivo ?

Homo ! ĉu vi forgesis pri viaj noblaj kaj saĝaj prauloj, pri l' kreskaĵoj geniaj ? Ili staras en unu loko, ne havas piedojn kaj ne havas flugilojn kaj ankaŭ naĝilojn ili ne havas : ili ekradikis en la patrina tero, ĉar ĉion, kio kontentigas ilian intelekton kaj fantazion, ili akiras el ĝi kaj ili scias pri si reciproke kaj pri ĉio krome viva, ili scias eĉ ne kunkurante.

La Superhomon, se mi volas, mi povas ja imagi ankaŭ tia kreskaĵospeca perfekto : li staras radikante en la tero, li ne devas disvagi en la mondo, ĉar la mondo mem rapidas al li, sin projekcias antaŭ lin, kiom ajn kaj kiam ajn li volas.

---

## MODERNAJ FABELOJ

## I. La arbetaĉo kaj la eta birdo

Al s-ano Andreo Gseh kun sincera amikeco *Francisko Szilágyi.*

Ĉu estis, ĉu ne estis, eble trans la Fabelmaro, estis eta birdo. Tiu ĉi eta birdo foje tre, tre enuis kaj alflugis arbetaĉon.

— Kara arbeto, lulu min !

— Unue, mi estas Arbeta Moŝto, due, mi nun ne havas oficialajn horojn por akcepti petskribojn, — diris la arbetaĉo — mi tute ne havas emon luli vin, malinda birdeto !

La eta birdo ege malgajiĝis, foriris. Ĝi iris, iradis, fine ĝi renkontis kapron.

— Kapro, maĉu la arbetaĉon !

Sed la kapro ne volis maĉi arbetaĉon, sekve la arbetaĉo ne lulis la etan birdon. Denove iris, iradis la eta birdo. Ĝi renkontis lupon.

— Lupo, manĝu la kapron !

— Pardonon, mia kara, — diris la lupo — ne estu tiel diktatora ! Eble vin mi volonte formanĝus, se vi ne estus tiel malgranda. Mi proponas al vi, bonvolu foriri.

La lupo ne volis manĝi kapron, la kapro ne volis maĉi arbetaĉon, sekve la arbetaĉo ne lulis la etan birdon.

Denove iris, iradis la eta, malgaja birdo. Foje ĝi renkontis aŭtomobilon. Gentile ĝi alparolis ĝin.

— Kara, bonodora Benzinaparato, ektimigu la lupon !

La aŭtomobilo havis alian direkton. Ĝi ne volis ektimigi la lupon, la lupo ne volis manĝi kapron, la kapro ne volis maĉi arbetaĉon, sekve la arbetaĉo ne lulis la etan birdon.

La eta birdo estis tute melankolia. Ĝi iris, iradis, fine renkontis fajron.

— Fajro, forbruligu la aŭtomobilon !

— Ĉu vi rigardas min freneza ? Ĝi estas asekurita. Vane mi ne laboras.

La fajro ne volis forbruligi la aŭtomobilon, la aŭtomobilo ne volis ektimigi la lupon, la lupo ne volis manĝi kapron, la kapro ne volis maĉi arbetaĉon, sekve la arbetaĉo ne lulis la etan birdon.

Iris, iradis nigre la eta birdo, foje ĝi renkontis akvon.

— Akvo, mi petas vin, estingu la fajron !

— Mi ne havas tempon, mia kara, — diris milde




K. Baltgailis : *Frenezuloj*

la akvo — hodiaŭ mi estas tre okupita. Mi devas ĉeesti kontraŭalkoholan kunsidon. Eble morgaŭ! Ĝis revido, mia kara!

La akvo ne volis estingi la fajron, la fajro ne volis forbruligi la aŭtomobilon, la aŭtomobilo ne ektimigi la lupon, la lupo ne volis manĝi la kapron, la kapro ne volis maĉi la arbetaĉon, sekve la arbetaĉo ne lulis la etan birdon.

Iris, iradis larme la eta birdo. Foje ĝi renkontis bankdirektoron.

— Tre estimata sinjoro Bankdirektoro! Patro de l' malriĉuloj! Trinku la akvon!

— Akvon? Tute ne! Mi estas ege okupita! Nun mi organizas la fajfiltruo-eksporton al Hotentotujo. Cetere, mi neniam trinkas akvon, nur ĉampanon! Ĉu vi ne havas alian negocon? — Do, ĝis revido, mia kara amiko! Ĝis revido!

La bankdirektoro ne volis trinki akvon, la akvo ne volis fajron estingi, la fajro ne volis forbruligi la aŭtomobilon, la aŭtomobilo ektimigi la lupon, la lupo ne volis manĝi la kapron, la kapro ne volis maĉi la arbetaĉon, sekve la arbetaĉo ne lulis la etan birdon.

Iris, iradis plore la eta birdo. Fine ĝi renkontis tre belan, modernan, simpatian, maldikan, gracian sinjorinon.

— Belega Sinjorino! Mi petas vin, kisu la bankdirektoron!

— Ĉu li estas bela?
— Ne, li estas malbela.
— Ĉu li estas juna?
— Ne, li estas maljuna.
— Ĉu li havas longajn harojn?
— Li tute ne havas harojn.
— Ĉu li estas riĉa?
— Jes, jes, li estas riĉega!
— Riĉa? Do, bone, mi kisos lin.

Kuris la eleganta sinjorino, kisis la bankdirektoron, kuris la bankdirektoro, trinkis la akvon, kuris la akvo, estingis la fajron, kuris la fajro, ekbruligis la aŭtomobilon, kuris la aŭtomobilo, ektimigis la lupon, kuris la lupo, manĝis la kapron, kuris la kapro, maĉis la arbetaĉon, la arbetaĉo ja lulis la etan birdon.

Se la bankdirektoro ne estus havinta multe da mono, ankoraŭ pli longe daŭrus mia fabelo.

## *Moderna Angeluso*

*Raymond Schwartz.*

*Meze de l' polvo kaj bruo de l' vivo*
*Haltu medite, pasanto, ĉar ĵus*
*Venis la horo de l' aperitivo...*
*Aŭdu, — sonoras por vi l' anĝelus'!*

*Tintas kristale invito de l' glasoj,*
*Loge aromas parfum' de l' aniz';*
*Vidu, — sur ĉiuj trinkejaj terasoj*
*Kuŝas peceto de ter-paradiz'.*

*Frato, sidiĝu kaj mendu serene*
*Noblan trinkaĵon laŭ saĝa prefer'.*
*Ĝuu la tagon kaj danke-komprene*
*Havu rideton por via kelner'!*

*Ŝvebu tra spacoj ĝis monda ekstremo*
*Sur la velura flugil' de l' forges', —*
*Lasu aliajn ĉe kafo kun kremo*
*Ŝimi en ombro de nigra cipres'.*

*Meze de lumo reala aŭ reva*
*Inter bonhomoj vi estu bonhom',*
*Kaj vi facile pardonos al Eva,*
*Ke — malfeliĉe — ŝi manĝis de l' pom'.*

*Kion signifos nun burĝaj mizeroj?*
*Kion fakturo de via tajlor'?*
*Velkas la rozoj... paliĝos ciferoj...*
*Oron valoras nur ora humor'.*

*Tiam pli alten komprena kompato*
*Portos la koron ĝis Ĝojo de l' Viv':*
*»Pacon sur tero al ĉiu homfrato!*
*... Venis la horo de l' aperitiv'...«*

## *Tromalfrua kanteto*

*Ha, kiam apud mi vi estis, tiam*
*ne sciis mi, jam kaptis min Amor';*
*mi nun tro bone scias ĝin, nun kiam*
*vi estas for.*

*En via ĉeestad' mi estis kruda*
*kaj blinda antaŭ via bel' kaj glor';*
*je l' ama voĉ' mi nun ne restus muta...*
*Vi estas for.*

*Pri mia frenezec' mi mem nun miras,*
*kaj en solec', dum ĉiu longa hor',*
*mi kun pasi', sed vane vin deziras:*
*vi estas for.*

*Jan van Schoor.*



K. Baltgailis: *Vivkirlo*

# INTERVJUO KUN JEAN FORGE

»La Esperantistoj koleras al vi, ke vi ĉesis verki esperante!« mi insultas la junan verkiston, kiam mi enpaŝas lian ĉambron. Jean Forge embarasiĝas dum momento, poste montras sur tablon. Jen kuŝas paperoj, paperaĉoj, libroj, vortaroj, skribmaŝino kaj ... vekhorloĝo!



*Jean Forge*

»Mia kara, vi venas tro malfrue, por riproĉi min,« li diras, »jus mi verkas novan romanon en Esperanto ...« kaj aldonas ridete: »Mia ĉarma stenotipistino jam finis por hodiaŭ sian laboron, kaj ni povas senĝene babili —«

»Aŭskultu, fantaziplena poeto, ni devas paroli serioze!« mi interrompas, »Mi volas intervjui vin por »Literatura Mondo« kaj mi deziras, ke ĝiaj legantoj havu favoran impreson pri via persono —«

»Hop, jurnalisto vi do estas!« krias la verkisto mirigite, »Oni devas esti singarda! Tiaspeculo povas esti danĝera ...«

Ni sidiĝas, ekfumas cigaredojn, Jean Forge komencas, mi notas rapide sciindaĵojn. Naskiĝis 26.2.03 kiel filo de kuracisto. Sidpremante ankoraŭ lernejan benkon verkas. Kiel dekkvinjara knabo sukcesas eldoni romanon »La papago« kaj akiras la titolon »verkisto«. Eklernas Esperanton kune kun siaj du fratoj, sukcesas sidigi sian gimnazian direktoron kun familio kaj kelkajn instruistojn sur lernejan benkon kaj instruas al ili Esperanton, kulminacia punkto en lia verdentuziasma periodo! Post fino de gimnazio sekvas sian fraton al Horrem, por labori tie kiel kunredaktoro en »Esperanto Triumfonta« (nuna »Heroldo de Esperanto«), forlasas la redaktejon kaj komencas studi ĉe politekniko en Danzig, verkas apude la originalajn Esperanto-romanojn »Abismoj« kaj »Saltego trans Jarmiloj« (eld. Ferd. Hirt u. Sohn, Leipzig Germ.), laboras denove en redaktejo de tagjurnalo, enpakas iutage siajn kofrojn kaj veturas al Berlino, ĉar la filmo ekinteresas lin. Li komencas labori ĉe konata filmfarejo U F A kiel reĝisora asistanto, studas funde la filmteknikon, estas redaktoro-korespondanto de fakaj jurnaloj en Parizo kaj Varsovio, transiras kiel redaktoro en filmjurnalon Berlinan. Poste li denove laboras kiel asistanto ĉe pluraj reĝisoroj kaj funkcias kiel dramaturgo en tri filmfarejoj sinsekve, i. a. ĉe Prometheus. 1928 oni komencas produkti filmojn laŭ liaj manuskriptoj. Lastaj plej sukcesaj estis liaj Prometheus-filmoj »Jenseits der Strasse« (Transe de la strato) kaj precipe la filmo, dediĉita al mortinta fama Berlina pentristo Zille, »Mutter Krausens Fahrt ins Glück« (Vojaĝo en Feliĉon de panjo Krause).

»Kaj nun?« mi demandas scivole.

»Nun mi provizore revenis al la literaturo kvazaŭ filo perdita,« respondas la juna verkisto, »mi ne povas decidiĝi nun labori en la filmo, depost kiam venis la sonantaj kaj parolantaj filmoj. Mi estas ano de la muta filmo, kies revivigon mi antaŭvidas. Mi same ne povas kunlabori kun kvin aliaj verkistoj je unu manuskripto, kiel oni nun ofte praktikas. Mi ne estas fabrikanto, sed volas resti individua poeto-verkisto. Filmo estas preterpasa unufoja okazaĵo, libro estas io daŭranta. Jen la diferencoj. Mi forkuris el brua Berlino por kelka tempo kaj dediĉas min plene al verkado en la silenta urbo Bydgoszcz, kie loĝas miaj karaj fratoj-Esperantistoj ...«

Kiam li montras al mi interesajn fotojn el sia filmperiodo, belajn mondfamajn geaktorojn kaj reĝisorojn, kiujn li persone konas (ne mankas eĉ mia plej-kara Anny Ondra!), mi havas amason da demandoj sur la lango, sed mi nepre devas elekti la plej gravajn:

»Kaj la parolanta filmo? Kaj Esperanto, he?«

»Mia kara, ne esperu tro multon de la filmuloj! Ili estas treege negocemaj komercistoj, kiuj volas vidi t u j a n profiton! Sed jen estas alia bonega rimedo sciigi milionojn pri nia afero. Ĉiu Internacia Esperanto-Kongreso zorgu pri tuja filmigo de la Kongreso kaj ĝiaj plej interesaj aranĝoj kaj plej rapide enmetu la filmrubandon kun spritaj klarigoj en la »Aktualajn Semajnojn«, kiajn prezentas ĉiu kinematografejo en sia antaŭprogramo. Jen estas afero de tiel grandskala propagando, kian ni neniam atingos per gazetaro aŭ Radio. Oni devas akiri kaj ekinteresi la »Aktualajn Semajnojn« de Pathé, UFA, Universal, Fox ktp., oni devas elspezi el la kongresa kaso specialan sumon por tiu ĉi celo — kaj ĉiujare la tuta mondo ekaŭdos pri Esperanto!«

Forge entuziasmigas min pri la ideo, kaj subite mi vidas antaŭ mi la verkinton de l' »Saltego«, homon plej moderne pensantan. Efektive, kiel ni povas konvinki la filmulojn mem, se ili eĉ per siaj aktualaĵoj ne sciiĝas pri Esperanto? Ni devas serĉi plej modernan vojon en nia propagando ... Sed reiru ni al la temo literaturo:

»Diru al mi, sinjoro verkisto, kian opinion vi havas pri la originala verkado de Esperanto-romanoj?«

»Por konfesi la veron, tre malklaran, eĉ ĥaosan,« li respondas kaj levas kun embaraso la ŝultrojn. »Ke

## Konsoleto

*E. Clark Stillman*

*Venu, kara.*
*tien ĉi.*
*Kio estas*
*nun al vi?*

*Ĉar alian*
*kisis mi —*
*ĉu vi ploras*
*pro l' envi'?*

*Trankviliĝu*
*pri la sci':*
*al virinoj*
*plaĉas mi.*

*Estas ĉiam*
*pli kaj pli*
*da reĝinoj*
*ĉirkaŭ mi.*

*Belulinoj*
*tri cent tri,*
*kiuj belas*
*pli ol vi.*

*Tamen se vin*
*prenus Di',*
*mi malgajus*
*eĉ pro vi.*

*Venu, kara,*
*tien ĉi.*
*Mi malgajus*
*eĉ pro vi.*

Esperanto bezonas originalajn verkistojn, mi ne dubas. Estas nur demando, kiun mi malfacile povas respondi: kion ili verku! Oni riproĉas nin kompatindajn verkistojn hodiaŭ pli kaj pli, ke ni verkas banalajojn kaj neniajn aktualajn verkojn, kiuj iniciatus la tiel nomatan Internacian Mondliteraturon. Kion diri? Laŭ mia nekompetenta opinio ne venis ankoraŭ la tempo por kreo de literaturaj gigantajoj. Ni ne trotaksu la Esperantan popolon! Estas nur malmultaj inter ni, al kiuj povus turni sin tia verkisto, ne miskomprenu min, mankas la perfektuloj, mankas la granda verkisto! Ankoraŭ ni troviĝas en stato de propagando, kursgvidado, legado de legolibretoj kaj ekzercajoj, kaj el tio ĉi ĉefe rezultas la malfacila situacio de originala verkisto, kiu deziras esti plej vaste legata.«

»Vi do volas diri, ke mankas la publiko?«

»Ke mankas la publiko, kiu kapablas lude legi esperantajojn kaj tiel ĝui literaturan verkon. Verkante originale oni devas multe respekti la komencantojn kaj perfektiĝemulojn. Oni devas esti singarda en la elekto de vortoj kaj esprimoj. La simpleco de la lingvo ludas egan rolon kaj ofte kontraŭstaras miajn modernemajn verk-aspirojn. La lingvo evoluas konstante, sed mankas ankoraŭ modernaj vortoj, kiuj ofte turmentas mian cerbon, ĉar mi sentas grandan antipation kontraŭ neologismoj; la respondeco pri la lingvo kaj fine la konscio, ke oni verkas por diversnacia legantaro, multe pezas sur la originala verkisto. Ĉio ĉi estas aferoj, kiajn oni ne bezonas priatenti en nacia lingvo...«

»Vi estas prava,« mi konsentas. »El lingva vidpunkto via verko »Abismoj« estas unika en nia ĝisnuna literaturo, ĉar verkita en facilega lingvo —«.

Sed Jean Forge ne aŭskultas plu, li forlasis la ĉambron. Iom mirigite pri la stranga konduto de tiu ĉi juna sinjoro, mi leviĝas kaj rapide alpaŝas la tablon, sur kiu tiktakas la vekhorloĝo (supozeble li verkas laŭtempe?). Jen kuŝas komencitaj paĝoj. Mi estas tiel scivola kaj maldiskreta, ke mi serĉas la titolon de la nova romano. Kaj jen subite mi trovas ĝin: »Mr. Tot aĉetas mil okulojn!«* En tiu ĉi momento mi returniĝas. Forge kun rideto fortiras min de la tablo, metas du librojn en miajn manojn:

»Jen du interesaj dokumentoj! Mia romano »Abismoj« en finna kaj ĉina lingvoj. Tradukoj laŭ la originalo. Aliajn eldonojn oni preparas.«

Ĉu estas eble? Mi trafoliumas la librojn: »Kuiluja« trad. el Esperanto de Aini Setälä (eld. Otava, Helsinki) kaj la dua komplete en ĉina literaro presita kun latinlitera nomo de l' aŭtoro. Traduko de Ŝ. M. Chun (eld. Juan Tan Ŝi Co, Shanghai).

»Sed tio ĉi estas ja efektiviĝo de ideo grandioza!« mi elkrias admire, »Brila pruvo pri tio, ke Esperanto estas memstara literatura lingvo! Kaj granda sukceso por vi! Ĉu vi scias, ke estas multaj eminentaj verkistoj en Eŭropo, kiuj estus feliĉaj, se ili estus legataj en malproksima oriento?«

»Eble,« respondas la verkisto, »por ni certe interesa eksperimento, kiu bone sukcesis. La ideo havas gravan signifon por la originala verkisto, kiu iom post iom povus havi sian stabon de tradukistoj en ĉiuj landoj kaj samtempe la eldonejojn, kiuj pagus. Ĉu tio eble ne estus vojo al kreo de grava literaturo, kiu helpe de Esperanto akirus la mondon? Kiu povas scii, kiu povas antaŭvidi la vojon, kiun ekmarŝos la Esperantaj verkistoj? Ĉio fluas, ĉio fluas, mia kara!«

»Kaj la ‚Esperanta' romano?«

»Ĝi estas tasko granda kaj bela por ni verkistoj!« li entuziasmiĝas, »La esperantistaro bezonus tian romanon, kiu pritraktas niajn aferojn, niajn verdajn zorgojn kaj oferojn. Mi imagas al mi ĉi tiun romanon kvazaŭ plej modernan Biblion de la samideano, Biblion, el kiu li ĉerpus novan forton kaj novan entuziasmon por plua sinofera laboro...«

»Kaj ĉu ni povas esperi ĝin de vi?«

Forge fariĝas serioza, tiu ĉi demando ŝajnas veki en li profundajn sentojn: »Kara samideano, mi estas kaj restas Esperantisto, kvankam ofte mi ne povas okupi min pri nia afero, sed tiu ĉi tasko ŝajnas al mi nun superi miajn verkistajn fortojn, ĝi estas tro grava kaj — sankta, mi dirus. Eble pli poste, kiam mi estos pli aĝa kaj — kiam mi estos riĉa homo, kiu trankvile povos sidiĝi dum tuta jaro por krei ion vere valoran, eternan...«

Li citas la majstran verkon de Privat »Vivo de Zamenhof«, li parolas pri la talentaj hungaraj poetoj Baghy kaj Kalocsay, kiujn li trovas unikaj en nia Esperanta literaturo, li atendas antaŭ ĉio pli grandan Esperantan opereton de Raymond Schwartz, ni parolas pri la internacia kongreso en Krakovo, kie li esperas renkonti ĉiujn kolegojn de la verda plumo... Fine mi revenas al lia nova romano »Mr. Tot aĉetas mil okulojn!« kaj scivolas:

»Stranga titolo, kiu preskaŭ sugestias novan bonhumorajon fantazian, similan al ‚Saltego'?«

»Vi eraras, trudema jurnalisto,« respondas Forge ŝerce, »tiu ĉi romano tute ne similas la antaŭajn. Ĝi estas io nova, serioza kaj kiel mi esperas — *tre moderna!* La titolo ŝajnos al vi tute komprenebla post tralego de la libro. La heroo estas riĉa amerikano, la agado kaj la situacioj kreiĝas sur interesa psikologia bazo kaj ĉi tiun fojon ne mankas delikata kriminala koloriĝo. Nun vi scias ĉion.«

Kompreneble mi volus scii ankoraŭ pli, sed venis jam la tempo por disiri; Forge akompanas min ĝis la ŝtuparo kaj diras adiaŭe: »Ne laŭdu min tro, mia kara, tio ĉi faras ĉiam malbonan impreson!«

Ne, ne, mi tute ne laŭdas lin, tiun talentan junan verkiston, pri kiu oni vere povas gratuli la Esperantan popolon... mi jam silentas!

—ski.




K. Baltgailis: *Aŭtoportreto*

*La verkon dume akiris por eldono nia eldonejo kaj ĝi aperos en februaro 1931. *L. M.*

# HURA!

## Julio Baghy

— Sinjoroj, ankoraŭ io!... »*Postskripto: Ne miru, ke vi vane serĉis la atestantojn de mia testamento. Antaŭ mi ili kuniĝis kun la tero. Ili estis du mortkondamnitaj krimuloj, ekzekutitaj en la elektra seĝo de la pundomo Sing Sing. Ilian komplezemon mi rekompencis per po mil dolaroj. La unua havis tri infanojn surstrate vagantajn kaj kadukan virinon, sed li havis skrupulojn pri sia estonteco kaj tial li deziris testamenti la mil dolarojn al parohio X. por havi meson ĉiutage por sia animo. La alia deziris prizorgi la posteulojn kaj destinis sian kapitaleton al la bando, kies membro li iam estis, por instali pli modernajn kasborilojn. Ambaŭ komisiojn mi konscience plenumis kaj tial vi ŝuldas al ili nenion.*«

La lamenta kaj sakranta bruo de la konsternitoj esprimiĝis en spontaneaj esprimoj. Kazimiro Jenlafiŝ kun senesprima mieno rigardis la fatalan leteron en la manoj de la interpretisto. Ĝi estis lia verdikto, kondamnanta lin je porĉiama ekzilo. Adiaŭ urbestra seĝo! Kion fari nun? La aliaj bagonaj sinjoroj senkonsile rigardis la urbestron, sed post momento unu el ili faris rimarkon, kiu ekirigis la lavangon.

— Kaj ĉion ĉi Bagonio kaj nia popolo povas danki al vi, Kazimiro Jenlafiŝ.

— Ĉu al mi?...Al mi?!

— Jes, ĉar vi proponis la akcepton de la kondiĉoj — rimarkis alia.

— Kaj kiuj akceptis, kiuj decidis pri tio? Vi, nur vi, ĉar nia lando estas ja konstitucia...Ĉu mi estas absoluta suvereno de la urbo?

— Vi, kiel kapo de la urbo Strutmagen, estas responda pri ĉio!...Tian honton por nia amata urbo, por nia nacio! — kriis la tria.

— Respondeca estas la malsaĝa kaj malprudenta Urba Konsilantaro, akceptinta la kondiĉojn, — protestis energie Jenlafiŝ.

— Fripono, ci volas elgliti!...Ci estis la kapo de tiu konsilantaro, ci veturigisto! — plenpulme kriis malgrasa deputito timige gestante kaj pugnoskue minacante al la urbestro.

La sceno fariĝis ĉiam pli laŭta, pli akra. La disputantoj kverelis, la ĉeestantoj trankviligis ilin aŭ kaŝe ridetis pri ili, sed la plimulto restis sub la impreso de la letero, jus aŭdita kaj ili diversmaniere esprimis sian konsterniĝon. Subite la voĉhaoson superkriis penetra voĉo de grasa, nerve gestanta sinjoro, staranta sur la seĝo.

— Mi, James Morton, la redaktoro kaj posedanto de la plej vigla ĵurnalo »*Ĉiuhora Trumpeto*«, proponas mil dolarojn al la deputitaro por la sola publikrajto de la letero.

La deputitoj ekatentis kaj dum momentoj retrankviliĝis. Mil dolaroj! Hm, estas alloga propono. Kion fari? Almenaŭ estus bone savi la ŝnuron de la perdita monsako. Ili perokule pritraktis la proponon.

— Sinjoroj! Sinjoroj!! — Alta maldika viro saltis sur seĝon. — Mi, Herbert Webster, la posedanto de la »*Duonhora Heroldo*« proponas du mil dolarojn! Pripensu!

— Tri mil dolaroj, — kriis plengorĝe James Morton.

La lipoj de la deputitoj malfermiĝis je parolo, kiam Kazimiro Jenlafiŝ neatendite kun granda patoso protestis.

— Bagonaj fratoj, ĉu vi konscias pri la konsekvencoj de tia ago? Tute certe ne! Ne, ne, *vi* **ne** povas konsenti. Mi ne povas proponi tion al vi, mi ne deziras de vi tian sinoferon! *Mi* prenos sur min la malbenon kaj ekzilitecon anstataŭ vi. Ne vi, sed mi vendos la publikrajton de la letero.

— Por tri mil dolaroj! Por tri mil dolaroj! — moke kaj indignite retondris la ĥoro de la deputitoj.

— Ho, kia grandanimeco! Ĉi volas fariĝi Judaso de Bagonio por tri mil dolaroj!

— Sinjoroj, ne kverelu pri bagatelaĵo, — leviĝis tria persono el inter la ĵurnalistoj. — La gazeto »*La Horo*« proponas kvar mil dolarojn. Decidu!

— Senhonta konkurado! Ĉu tiel aspektas la kolega solidareco? — kriis Morton kaj Webster al la nova konkuranto.

— Kvin mil dolaroj! — ekscitite proponis Webster. — Jen la ĉeko!

La bagonaj deputitoj, ĉiu en si mem, decidis akcepti la plej altan proponatan sumon. Hejme, certe oni laŭdos ilin, se per tia ago ili povis reakiri iom el la perditaj esperoj kaj antaŭaj elspezoj. Dume la aŭkcia sceno fariĝis ĉiam pli vigla, pli akra. La nervema Webster perpugne minacis la redaktoron de la »*Horo*«, la grasa Morton ŝvitis kaj ĉiumomente elpoŝigis sian dikan monujon, la tria kaj kvara proponanto malamike ĵetadis nereproduktteblajn esprimojn unu al alia. La proponata sumo konstante kreskis kaj iom post iom la rideto de espero ŝteliĝis sur la mienon de la deputitoj.

— Dek mil dolaroj! — kriis Webster.

Momenta silento. Subite leviĝis grizhara sinjoro kaj sen ia ajn emocio turnis sin al la deputitaro.

— Sinjoroj, jen ĉeko pri dudekkvin mil dolaroj! Akceptu ĝin kaj la publikrajto de la letero apartenos al la ĵurnalo »*La Minuto*«. Kredu, ke la subskribo de Tobias Grarey valoras *kelkajn* dudekkvin mil dolarojn!

La bagonaj okulparoj renkontiĝis, interkonsiliĝis kaj la bagonaj lipoj samtempe ekmoviĝis.

— Konsentite!

— Sinjoro Tobias Grarey, la malbenita letero apartenas al vi — esprimis pervorte la decidon de la Konsilantaro Kazimiro Jenlafiŝ kaj etendis sian manon al la letero, tenata de la interpretisto. — Jen, bonv...

La terurkrio de la interpretisto rompis la ĝentilan frazon. La koroj ektremis, la rigardoj turnis sin al la mortpala viro, kiu kun streĉitaj okuloj gapis al la granda papero.

— Misteraĵo!... Sinjoroj... la skribo... la papero... la... — li balbutis.

— Kio okazis?... Kio pri la skribo? — kriis Kazimiro Jenlafiŝ kaj elŝiris la leteron el la manoj de la interpretisto. — Ve, la papero bruniĝas . . . la skribo malaperas!

La deputitoj, sinjoro Tobias Grarey, la prokuroro kaj la bankdirektoro en rapida sinsekvo prenis la leteron, rigardis ĝin.

— Misteraĵo!... Friponaĵo!... Fotopapero!... La papero tute nigriĝas... Ne, ne tute!... Restis helaj makuloj! .... Montru, montru al mi!... Al mi! Fotopapero! Ho, tiu fripono!

Kiam la papero denove trafis la manojn de Kazimiro Jenlafiŝ, ĝis tiam la iom pli helaj makuloj jam prenis definitivajn formojn kaj li vidis grimace ridetantan vizaĝon kaj helajn vortojn: *HURA POR NENIO!*

**Fragmento el la nova sensacia romano de la fama verkisto**

## Post la laboro

*La bru' de l' laŭta tago jam formortas,*
*Subiras sun' je l' rando de l' ĉiel',*
*Fabrik-siren' anoncas laborfinon :*
*El laca mano falas la martel'.*

*Mi ĵetas for la veston de laboro,*
*Rapidas hejmen, hejmen, al edzin' !*
*Jen la plej bela horo de la tago :*
*Ripoz' kaj am' atendas dolĉe min.*

*En mia hejm', ĉe mia karulino,*
*Forgesas mi batalon de labor',*
*Por la turmentoj de la griza tago*
*Jen rekompenc' en la vespera hor'.*

*Friedrich Hahn.*

---

# OBSERVO

## KARLO BALTGAILIS

Kvankam ekzistas diversaj skoloj, kvankam la artistoj mem dividas je ekspresionistoj kaj impresionistoj, naturalistoj kaj realistoj ktp. tamen oni povas distingi du ĉefajn ĝeneralajn partojn. La unu parto tre bone komprenas la postulojn kaj inklinojn de la publiko, vigle ĉerpas el la ĉirkaŭa vivo, reflektas la vidaĵon, kvazaŭ fototavolo, rapide kaj facile fiksanta ĉiun impreson : nur iometa prilaboro kaj la verko estas preta. La alia parto havas eremitajn inklinojn, forkuras de la vivo, kaŝas sin en la laborĉambro por krei, kaj kreas ne spegulbildojn de l' vivo, sed ion ĉerpitan sole el la trezorejo de sia animo.

Oni povas disputi pri la finfina valoro de ĉi tiuj du grupoj, diri pri la unu, ke al ĝi mankas la spirita valoro, pri la alia, ke ĝi perdis la interrilatojn kun la vivo, oni povas laŭdi kaj mallaŭdi ĉiun el ili, sed por esti tute justa, oni devas al neniu atribui plenan perfektecon.

Do devas ekzisti ankoraŭ unu grupo, kiu enhavas la harmonian kunigon de la ecoj de ambaŭ grupoj. Jen, laŭ mia opinio la vojo al la plena perfekteco arta. Ĉar tiamaniere la artisto estas homo inter homoj, kaj tamen ne fermas la trezorejon de sia animo, tiamaniere la artisto estas vera reflektanto de la vivo reala kaj tamen al siaj verkoj aldonas la sangon de sia koro, la lumon de sia animo, la valoron de sia spirito.

Komencante raporti pri la latva pentrarto, intence mi elektis artiston apartenantan al ĉi lasta grupo. *Karlo Baltgailis* celas akiri la plenan perfektecon, kaj oni devas rekoni post la vido de liaj verkoj, ke la vojon li elektis feliĉe, kaj sur ĝi paŝon post paŝo li proksimiĝis al la celo. Kompreneble ĝi estas tro alta idealo, por ke homa vivo estu sufiĉe longa ĝin komplete akiri.

La gepatroj de K. Baltgailis ne estis riĉaj, tamen penis doni al siaj infanoj bonan edukadon. Ankaŭ Karlo vizitis kaj finis mezan lernejon. La intereso por la desegnarto kondukis lin al la pentristo Rozentals, lia unua instruisto. Tiu lernotempo tamen ne longe daŭris. Lia animo soifis ĉiam pli kaj pli novajn kaj diversspecajn impresojn. Tial li forlasas sian unuan instruiston kaj veturas al artlernejo en Penza — urbo en la meza Ruslando. Tie li laboras sub la gvidado de la famekonata rusa pejzaĝisto-akvarelisto Petrov. La fino de la lernotempo kaj la komenco de la memstara arta kreado okazas dum la mondmilito. Baldaŭ ankaŭ li devas militservi, ĉiuj verkoj liaj perdiĝas dum la poste sekvanta revolucio. La ondo de revolucio forportas lin al Vladivostok, la plej orienta urbo de Ruslando, kaj de tie, kune kun la regimento de latvaj militistoj, li revenas la patrolandon. De tiam li estas instruisto en la pedagogia instituto kaj sian libertempon dediĉas al la arto. Tiaj estas ĝenerale liaj vivkondiĉoj kaj ŝajnas al mi, estas ne seninterese esplori, kion ili signifas por la evoluo de lia artista individueco.

La laboro sub gvidado de diversaj majstroj edukis la econ : neniam stari sur unu loko, sed ĉiam peni pririgardi la objekton de plej diversaj flankoj. Kaj oni ne estos malprava, dirante, ke la timo de unuflankeco forpelis lin de lia unua intruisto en la artlernejon, kie la evoluon gvidas multaj impresoj, kie la ĉefa instruisto estis alikaraktera artisto. Tiu cirkonstanco, ĉe K. Baltgailis, estas la kaŭzo, ke li ne povas aparteni al la ekstremaj partioj de la arto.

Malgraŭ ĉiuj malbonaj ecoj, la milito kaj revolucio tamen havas tiun influon, ke ili starigas la homon antaŭ la vizaĝo de l' vivo, instruas rezisti tempestajn ondojn, devigas esti aktiva kunlaboranto. Eble al ĉi tiu cirkonstanco oni povas danki la grandan aktivecon de Baltgailis. Li fondis artistan societon »Zala Varna« (Verda Rabo) kie kuniĝas la junaj kaj entuziasmaj artistoj de refondita Latvio. Li estas la koro kaj animo de ĉi tiu societo, la entuziasmigilo kaj instigilo por serĉa kaj krea laboro. Dank' al lia klopodado fondiĝis societo por fondi muzeon, kie oni aparte de regnaj muzeoj, kiuj tre ofte estas tro partiecaj, kolektos la artajn objektojn kaj historian materialon. Li estas ano de politika partio, li estas aktiva kunkreanto de la vivo : militisto de liberiga milito, instruisto, politikisto, kulturaganto.

La riĉa kaj diversflanka agado en la vivo praktika donas al artisto tian abundon de la temoj, ke oni tre facile povas fariĝi facilanima, surfaca. Ĉar tiamaniere estiĝas la malagrabla situacio, ke la impresoj amasiĝas montgrande, ke ili kvazaŭ subakvigas la personecon de la artisto. Kaj por regi tiun ĥaoson, por tamen esti kapabla krei ion artan oni bezonas modelojn, oni fariĝas la kopiisto de la vivo reala, oni ne plu ĉerpas el la fonto de la animo, oni fariĝas realisto. Sed K. Baltgailis tia ne estas. Rigardu nur la bildojn — ĉie estas temoj ĉerpitaj el la vivo kaj tamen prilaboritaj arte, simbole. Oni povas vidi, ke la artisto pli ŝatas krei la mondon de linioj kaj koloroj, ke la ideojn de siaj verkoj li prilaboris en sia animo, kaj penas montri ne la veron de la vivo, sed veron sian, artistan, kreitan en la animo. Kaj estas rimarkinde, ke Baltgailis tute ne rapidas per siaj verkoj. Li portas siajn ideojn en si longan tempon, ekz. la ideon por »Du ondoj« li portis en si dek jarojn. Li kolektas la impresojn, ordigas, la taŭgajn kunmetas, la maltaŭgajn forĵetas. Kaj jen post longa tempo naskiĝas verko, kiun nur troaj realistoj povus nei, kvankam nur teorie.

De kie do tia kapablo : ĉerpi el la vivo reala kaj tamen esti artisto animriĉa. Konante la vivon de Baltgailis oni povas solvi ankaŭ tiun problemon. La kaŭzo estas la granda impreso kiun al li faris la orienta, ĉefe japana arto. Li pasigis longan tempon en Vladivostok, kie estis eble konatiĝi kun la orienta arto. Lia jam mortinta kolego eĉ loĝis en Japanio kaj longan tempon raportis pri japana arto kaj montris ĝiajn verkojn. Tio faris tiel grandan impreson ke Baltgailis por iom da tempo ĉesigis la krean laboron. La japana desegnmaniero, nome krei la verkon, per kelkaj avare surportitaj linioj, tiel, ke la rigardanto devas esti kunkreanto, ne nur rigardanto, tiu eco de l' japana arto klarigis al Baltgailis la malpravecon kaj malgravecon de la realismo pura. Kaj iom post iom en li naskiĝis tiu nova eco, pri kiu mi parolis en la komenco

de la artikoleto : li fariĝas artisto kiu havas sian lokon meze inter realistoj puraj kaj artistoj eremitaj. Li penas kompreni sian epokon kaj solvi la problemojn de la nuntempa vivo kaj penas tion fiksi pere de koloro kaj linio. Li montras la vivon el sia vidpunkto, el la vidpunkto de artisto. Kaj ne estas malpravaj, kiuj diras, ke la homoj posedas krom la fizikaj okuloj ankaŭ okulojn spiritajn. Pere de la verkoj de K. Baltgailis oni povas rigardi la mondon kaj ĝiajn bildojn el spirita vidpunkto. Certe iom da troa literatura enhavo estas en liaj verkoj, li mem konsideras tiun negativan econ. Sed se oni memoras, ke artisto neniam estas plenperfekta, ke li ĉiam kaj ĉiam evoluas, ankaŭ pri K. Baltgailis oni povas diri, ke li estas artisto, kiu okupas gravan lokon en la postmilita arta vivo en Latvio kaj, kio estas la plej grava, li promesas per ĉiu sia ekspozicio, ke la lasta atingo estas ankoraŭ tre malproksima.

*R. Eichenbaums*

---

# DISKUTO

## Esperanta elparolado

Ĉu la absolute unueca Esperanta elparolo estas ebla ? Apenaŭ. Ĉiu lingvo nacia havas sian propran »muzikon« specialan, kiun la anoj de la respektiva lingvo pli-malpli transportas en sian Esperantan parolon. Lerta imitanto bone povas amuzi internacian societon per la prezento de ĉi tiuj »muzikoj«.

La komprenon tio ne malhelpas. Kompreneble oni devas respekti la akcentregulon, oni devas klare elparoli la konsonantojn, klare distingi inter s kaj z, b kaj p, d kaj t, ktp. Kaj ĉi rilate, eĉ se ne praktike, almenaŭ principe, konsentas ĉiu espisto.

Sed la »muzikon« de la lingvo donas la vokaloj, kaj en ilia elparolo estas grandaj diferencoj. Ke ĉi tiuj diferencoj tamen ne naskas nekomprenon, tion oni povas danki al la cirkonstanco, ke Esperanto havas nur la kvin trunk-vokalojn (a e i o u) kaj kiel ajn oni ilin fermu, aŭ malfermu, aŭ garnu per flanksonoj, ili apenaŭ estas misformeblaj ĝis nerekonebleco.

Tamen, oni devus fiksi la unuecan Esperantan elparolon, la propran »muzikon« de la lingvo. Ian idealan modelon de muziko, kiun almenaŭ priklopodi devus ĉiu espisto.

Ĝis nun ekzistas du ĉefaj prononcmanieroj en Esperanto.

La unu estas la zamenhofa. Tio estas : elparoli la vokalojn ĉiam egale, duonfermite, nek tro longe, nek tro mallonge kaj signi la akcenton sole per la iometa plilaŭtigo de la vokalo.

Estas interese, ke tiu ĉi prononcmaniero tute ne fariĝis ĝenerala, kvankam por ĝi pledis la nepra aŭtoritato de Zamenhof, kvankam ankaŭ nun de plej kompetenta oratora katedro oni deklaras ĝin modela.

Kio estas la kaŭzo de ĉi tiu obstina malobeo ?

Laŭ mia opinio ekzistas du kaŭzoj : unu teoria kaj unu praktika.

La teoria kaŭzo estas, ke Esperanto konsistas ĉefe el romanaj, parte el anglo-germanaj elementoj, laŭ vortaspekto kaj sonstrukturo ĝi estas plej parenca al la itala lingvo, dum la zamenhofa prononcmaniero estas slava, kaj speciale pola, do fremda al la elementoj, el kiuj konsistas la lingvo.

La praktika kaŭzo estas, ke la zamenhofa elparolo, postulante la egale duonlongan elparolon de la vokaloj, ne permesas, ke oni ripozu iom ĉe la akcentoj. Per tio ĝi trudas al la parolanto troan rapidecon kaj tia truda rapideco nek por la parolanto, nek por la aŭskultanto estas bonvena en lingvo, kiu estas nenies lingvo gepatra. Eĉ okaze de tre klara vokalformado konfuzas ĉi tiu maŝinpafilmaniera, malmulte nuancita elparolo. Kiom pli, se tiel parolus ekzemple aŭstralia samideano !

Jen kial, malgraŭ ke ĉi tiu prononcregulo estas tre simpla, oni ne povis amikiĝi al ĝi, kaj, laŭ mia sperto dum kongresoj kaj en la radio, oni uzas prononcmanieron alian, multe pli komplikitan. Ĉi tiun »herezan« prononcmanieron, praktikatan de la plejmulto de espistoj mi provas ekspliki en la sekvantaj reguloj :

1. Ĉiu vokalo estas *duonfermita.*

2. La akcentaj silaboj estas longaj, la senakcentaj estas *vokale* mallongaj.

3. La elparolo de vokalo en akcenta silabo dependas de tio, ĉu ĝin sekvas unu, aŭ pluraj konsonantoj.

a. Se ĝin sekvas *pluraj konsonantoj*, ĉi tiuj mem certigas la longecon de la silabo, la vokalo do estas mallonge prononcata (ardo, esti, inda, ondo, urĝa ; bullo, brutto, finno, regatto).

b. Se ĝin sekvas *unu konsonanto,* aŭ *vokalo,* la akcenta vokalo devas mem certigi la longecon de la silabo, ĝi do estas longe, tirate prononcata (báti, véra, víro, parólo, múro ; balái, kréi kríi, heróa, enúa ; búlo, brúto, fíno, regáto).

*Escepto :* La dusilabaj vortoj de la Tabelo (tio, kia, iu ktp.), la dusilabaj pronomoj (mia, via, ili, oni) kaj prepozicioj (super apud) kaj *unu* estas *duonakcentaj,* t. e. ilia akcenta vokalo estas *iom pli laŭta,* sed *mallonga.* Nur en la poezio ili fariĝas longaj, se ili estas forte akcentitaj per la ritmo, aŭ ili estas rimvortoj.

4. La unusilabaj vortoj estas senakcentaj, aŭ duonakcentaj (se ili havas akcenton *sencan).*

*Escepto : Ve* estas longa. *Ho* memstare (ekz. : hó, mi bedaŭras) estas longa, sed, se ĝi signas vokativon (ho patro), ĝi estas mallonga. Krome longiĝas la vokalo de la unusilabaj vortoj, se ili estas rimvortoj.

Jen la prononcreguloj, kiuj kun plej proksima fideleco difinas la okcidenteŭropan elparolon de Esperanto. Kaj laŭ mia opinio, ili plene konvenas al sonstrukturo de la lingvo. Ilia apliko, el la buŝo de bona parolanto, donas tre elegantan kaj nuancriĉan efekton. La alterno de la senakcentaj, duonakcentaj kaj longaj akcentaj vokaloj donas al la lingvo agrablan ondadon, tute similan al la ĉarma muziko de la itala lingvo. La ripozoj sur la akcentaj vokaloj bonvene malrapidigas la parolfluon.

Kaj per ĝi oni bone povas distingi la vortojn kun duoblaj konsonantoj (brutto kaj bruto).

Krome per ĝi oni povas klarigi kaj pravigi kelkajn nepre necesajn ritmajn licencojn kaj adapti nian lingvon ankaŭ al la klasika metriko de la greka-latina poezio. Sed pri ĉi tio alian fojon.

Mi tre ĝojus, se ĉi tiu artikolo estus instigo por malgranda enketo pri ĉi tiu temo.

*K. Kalocsay*

# RECENZO

*Ĉiujn librojn, ricevitajn en du ekzempleroj, ni recenzas. Unuope ricevitajn librojn ni nur mencias. — La recenzoj esprimas nur la opinion de la recenzinto kaj ne tiun de la redakcio. Pro tio la redakcio tre volonte publikigas* interesajn *kontraŭopiniojn, koncernantajn iajn aperintajn recenzojn. — La libroj, ĉi tie menciataj kaj recenzataj, estas haveblaj ĉe la librofako de nia eldonejo.*

---

*Julio Baghy :* HURA ! *Originala romano.* 416 paĝa, formato 13.5×20 cm. Eldono de Literatura Mondo, Budapest. Prezo tolbindita P. 11.20, duontole bindita P. 9.30, broŝurita P. 8.20 Plus 10% por sendkostoj.

Jus aperis la plej nova, jam delonge atendita verko de J. Baghy, kun la titolo : HURA !

Ne romano, nur grimaco, avertas nin bonvole la aŭtoro. Kaj efektive la verko estas groteska grimaco, satana satirajo, karikaturo pri la homaro, pri nia materialisma epoko, kies sola idolo estas la ora bovido : la mono. Kritiko pri niaj kutimoj, moroj kaj tradicioj. Stranga kaj kuraĝa verko.

En nia Esperanta literaturo ankoraŭ ne aperis simila verko kaj ankaŭ ne multaj similaj en la naciaj literaturoj.

Ĉiam estas ĝene sincere paroli. La verkisto, por diri la veron, bezonas vojaĝi al fabellando, fabriki fantazian fabelon, por ke ni ne rimarku, ke propre ni mem estas la herooj de la verko. Ni, la homaro.

La libro havas ankaŭ antaŭparolon, nur malgrandan, tamen necesan por motivi almenaŭ per kelkaj vortoj la bonintencon de la aŭtoro kaj jam anticipe rifuzi la malicajn »postparolantojn«, kiuj certe ne forrestos.

Malgraŭ la protesto de la aŭtoro, la verko estas tendenca, ĉar, kiel li mem skribas, la celo de la verko estas sugesti : »Novan etikon por la nova Homo de la pli bela estonteco !«

Swift, por kritiki la homan socion sendas sian heroon Gulliwer al la landoj de la pigmeoj kaj gigantoj. Baghy sendas nin al la imagita lando *Bagonio.*

Baghy estas fanatika apostolo de tiu ĉi nova etiko kaj nova Homo, kaj li senlace agitas en siaj verkoj la alvenontan pli belan mondon. Li estas profeto de la krista amo kaj moralisto de la nova etiko. Profunda homamo kaj superplena vivsperto diktis tiun ĉi grandskalan verkon. Li devas primoki la homon, ĉar li tre amas la homon. Ho, kiel dolora estas ĉi amo ! Sed sub la rikana vizaĝo kaŝas sin sanganta koro. Universala estas lia amo kaj universala estas la lingvo, per kiu li komunikas ĝin.

Baghy estas sendube la plej populara esperantista verkisto. Ĉiu nova Baghy-verko estas okazajo en nia literaturo. Li estas unu el la fondintoj de la originala Esperanta literaturo kaj li vere celkonscie laboras por ĝia efektivigo. Liaj verkoj estas valora pliriĉiĝo de nia malriĉa originala literaturo.

La enhavon de la verko, la multajn interesajn epizodojn, ruzajn insidojn kaj ridigajn fiaskojn, komplotojn, perturbojn, tumultojn, revoluciojn apenaŭ ni povas detale rakonti inter la kadroj de mallonga recenzo. Sed ankaŭ nedezirinde : ni ne volas forpreni la plezuron de ekscitiĝo kun kiu la leganto avide sekvos la interplektitajn fadenojn de la romano tiel majstre nodigitajn kaj solvitajn de la aŭtoro. Nur tiom ni malkaŝas, ke temas pri grandega testamentita monsumo, kiu tute taŭzas la vivon de la urbo Strutmagen, renversas moralajn principojn, estigas grandajn konfuzojn, eĉ revolucion kaj groteske lumigas la internon de monavida socio, kvazaŭ elturnitan ganton.

*La verko antaŭ ĉio estas interesa.* Ankaŭ la filozofiaj partoj estas enpensigaj, sed certe ne ili estas la plej forta flanko de la aŭtoro. Pleje li eminentis en la karikaturaj figuroj. Jam iliaj nomoj estas trafe spritaj. Kiu povus forgesi Jonathan Krak, la »genian« urban notarion, lian ampleksan kaj energian edzinon, Lola kun la ok edzinigendaj filinoj, la »honestan« urbestron Jenlafiŝ, la ruzan Vaga Orel de Pord, la du ĉarlatanojn amerikanojn, generalon Venknejam aŭ la policestron Mordlanaz ? En la kreado de tiaspecaj figuroj Baghy estas majstro. Lia humoro estas neelĉerpebla.

Komikaj situacioj, surprizaj kaj ekscitaj okazajoj kaleidoskopas alterne, katenante la atenton kelkfoje ĝis spirreteno.

La stilo de Baghy estas freŝa, vibra, viva, moderna, en la dialogoj verva kaj trafa. Novaj lertaj vortkunmetoj montras lian lingvokrean talenton.

Ĉu mi diru ankaŭ riproĉojn ? Mi povas diri nur bagatelajn. Ekzemple : Min ĝenis la konstanta ciado inter sinjoroj Krak kaj Jenlafiŝ kaj se ili cias sin, kial ne cias sin geedzoj kaj gefratoj ? Krome, mi ĉiam volonte legas kiel ajn longajn priskribojn kaj meditojn de Baghy, sed per iom kruela mallongigo kelkaj partoj pli bone efektus.

Por kapti ankaŭ etajn skarabojn, mi diru, ke la vortoj »moleo« kaj »sakri« ne ŝajnas al mi sukcesaj. Anstataŭ darfi, se oni jam bezonas vorton por ĉi tiu koncepto, eble pli bone estus »lici« (tute internacia el »licence«.) Ankaŭ »mankumi« estas stranga vorto, ni ja havas »malhavi«.

Entute : tipa Baghy-verko, en ĝi alternas ironio, romantiko kaj filozofio. Kaj la tuta amara burlesko vere tre konvenus por filmo, aŭ scenejo.

Aspekto kaj preso (krom kelkaj unuaj paĝoj) estas tre belaj kaj elegantaj.

*L. Halka.*

*Julio Baghy :* VIKTIMOJ. Dua eldono. Originala Esperanta romano. Formato 12.5×17.5 cm 240 pĝoj. Prezo : broŝ. P. 5.50, duontole bind. P. 6.20, tolbindita P. 8.20 plus 10% por sendkostoj. Eldono de Literatura Mondo, Budapest.

Antaŭ nelonge aperis la dua eldono de tiu ĉi romano. Ĝi aperis unue en daŭrigoj sur la paĝoj de la malnova Literatura Mondo kaj havis sensacian sukceson. Do, tute ne estas mirinde, ke ĝi tre rapide disvastiĝis, kiam aperis en libroformo. Tiu ĉi romano estas la plej unua milittema romano en nia Esperanta literaturo. Ĝi akiris inter ĉiuj Esperantaj libroj la plej grandan sukceson. Miloj kaj miloj legis ĝin en la tuta mondo.

En la romano temas pri la martira vivo kaj superhoma sufero de la siberiaj militkaptitoj, pri la viktimoj de la mondoskua granda kataklismo.

Ilian vivon priskribas la aŭtoro kun granda realeco, li mem ja estis ankaŭ ilia samsortano, unu el la multaj viktimoj, kiujn sanga uragano portis al malproksimaj, nekonataj landoj.

Epidemioj, frosto, malsato, sangaj revolucioj kaj kontraŭrevolucioj, nostalgio al la hejmo, torturas terure ĉi tiujn mizerajn pariojn. Ili estas senpovaj ludiloj en la manoj de la blinda fatalo. Fermitaj de la granda mondo, ili formas apartan socion, kreiĝas kolektiva vivo kun siaj specialaj kutimoj. Ilia vivo estas griza. La tempo pasas malrapide. Rezigno kaj espero plenigas la tagojn. La animoj senflugile baraktas en polvo kaj la ama sopiro povas esti nur tragika. Amara estas ĝia gusto kaj ve al tiuj, kiujn kaptis ĝia potenco.

Tamen ilian monotonan vivon kelkfoje koloras kelkaj radioj de ĝojo : letero dehejme aŭ iliaj simplaj amuzadoj. Tiam sereniĝas la vizaĝoj, kiel la floroj post pluvo.

Ĝi estas kortuŝa kaj sugestiva legaĵo. Kelkaj partoj de la romano estas neforgeseblaj. Ĝia stilo estas modela kaj tute klasika. Mi ĝoje salutas la duan eldonon de tiu ĉi mondfama romano, ĉar la unua eldono jam de kelkaj jaroj tute ne estas ricevebla. Baldaŭ sekvos ĝia daŭrigo, la INFERO. Ni scivole atendas ĝian aperon !

*L. Halka.*

*Eŭgen Wüster :* ENCIKLOPEDIA VORTARO Esperanta-Germana. IV. parto (ĝis korno). Eldono: Ferdinand Hirt und Sohn Esperanto-Fako. Leipzig. Prezo : P. 21.60.

La grandega kaj grandioza verko, frukto de vere giganta laboro, ree faris paŝon antaŭen. Kiel en la antaŭaj

tri partoj, ankaŭ en ĉi tiu parto kuŝas antaŭ ni vera modelo de science aranĝita vortaro. Sed ne simpla vortaro estas la verko, ĝi estas samtempe ĝisfunde detala prilaboro de la tuta, precipe de la Zamenhofa lingvo-uzo: vortkunmetoj, esprimformoj, sentencoj, proverboj, ĉiaflanka uzo de ĉiu vorto estas klare difinita kaj klarigita plejparte per ekzemploj, tiel ke oni tute ne devas scii la germanan lingvon por povi tre bone utiligi la vortaron. La tuta lingva trezoro, la tuta prilingva vivo-verko de Zamenhof, kiu ne konsistas nur el la kruda vortmaterialo, sed ankaŭ el la multflanka uzo, delikata nuancigo de la vortoj, estas tie ĉi prezentita ekzakte kaj detale. Kaj ĉe ĉiu vorto, esprimo, »suka« frazo, sentencmaniera diro oni trovas la indikon de la Zamenhofa trovloko. La ampleksecon montru la sola ekzemplo, ke la vorto *kapo* okupas pli ol sep dense presitajn kolonojn.

Por inde taksi la valoron de ĉi tiu verko, ni pripensu, ke la literatura lingvo Esperanta povas evolui nur tiel, kiel la naciaj lingvoj, per la lingva tradicio. Sen la kono de ĉi tiu tradicio eĉ la plej sprita kaj talenta tradukanto, aŭ verkanto ne povas fari verajn efektojn, ĉar kiom ajn lertaj estu liaj solvoj, al ili mankos la patino de la tradicia familiareco, ili ne vekos intimajn asociaciojn. Kaj la fonto de nia lingva tradicio estas Zamenhof. Tial ĉi tiun verkon, kiu la Zamenhofajn tradiciojn, ĝis nun sole pene alireblajn en la ampleksa verkaro de la Majstro, nun fiksas sur papero en facile konsultebla libro, bezonas ne nur la filologoj kaj vortaristoj, sed ankaŭ ĉiu tradukisto kaj verkisto, eĉ, ĉiu literaturamanto. Por vortaristoj ĝi estas nemalhavebla fonto, por verkistoj ĝi estas neelĉerpebla trezorejo, por literaturamantoj ĝi estas kvazaŭ plej supera kurso, instruanta vere ĝui niajn ĉefverkojn beletristikajn.

La Wüster-vortaro estas nia fiero: grandioza dokumento pri nia riĉeco, depost la Fundamento la plej grava evento en Esperantujo. *Kopar.*

*L. L. Zamenhof:* ORIGINALA VERKARO. Antaŭparoloj, gazetartikoloj, traktajoj, paroladoj, leteroj, poemoj. Kolektitaj kaj ordigitaj de *dro Joh. Dietterle. Ferdinand Hirt kaj Sohn en Leipzig,* Esperanto Fako. 1929. 604 pĝ. Prezo: P. 21.60.

Jen verko fierige impona laŭ eksterajo, vere perfekta laŭ redakto, graveg a laŭ enhavo: enhavanta artikolojn, traktajojn, paroladojn, leterojn, poemojn, la tutan nestrikte prilingvan vivoverkon de Zamenhof. Verko, kiun oni ofte konsultos, multfoje citos, vaste komentarios kaj pridiskutos, verko, kiu estas dokumento.

Kaj ĝi estas ne nur dokumento *afera,* sed ankaŭ dokumento *homa.* Ĝi plene, kaj preskaŭ palpeble revelacias al ni idealan kaj idealistan homon, kies animo estas absorbiĝinta en granda ideo, sed kies sobra kaj klarvida intelekto ĉiam ĝuste taksas la eblojn, ĉiam klare distingas la vojon, homon larĝanime liberalan en flankaj detaloj, sed severe persistan kaj decide energian en aferoj gravaj kaj esencaj, kies laboremo estas eksterordinara, kies akurateco estas ĉiam nepre konfidinda, homon, kiun la espistoj inde nomas majstro. Vere, sole tia majstra animo povis krei lingvon, en kiu surprize harmonias rigora precizo kaj admirinde libera fleksebleco.

Kaj la libro estas interesa, kvazaŭ romano. Ĝi revivigas antaŭ ni la tutan historion de nia movado, montrante ĝin en la spegulo de koro, por kiu ĉi tiu movado estis la ĉefa vivmedio, ĝia malsukceso la ĉefa zorgo, ĝia progreso la ĉefa ĝojo. Ni trasentas la kuraĝon de la ekiro, la heroajn tempojn, la luktojn kontraŭ »malbonintencaj malamikoj kaj nesaĝaj amikoj«, la kortuŝajn zorgojn dum malfeliĉaj periodoj, la nepereigeblan esperon kaj ĉiospitan pluiron antaŭen, la grandioze naivan revon pri la homarana familio, la nubojn de la »Delagacio«, la terurojn de la milito, la sekretan spitan brulon de la fajro sub la ruinoj kaj la lastan konfeson antaŭ la morto.

Neniu povas malhavi ĉi tiun libron. Ĝi estas ne nur konsultejo, ne nur lernejo de stilo, ĝi estas neelĉerpebla fonto de fido: l' espero, l' obstino kaj la pacienco!

La alte ŝatata redaktanto faris sian grandegan laboron ne nur precize, sed kun vere ama zorgemo, videbla en ĉiuj liaj komentarioj, notoj kaj rimarkoj. Lia filologia respekto de ĉiu stilapartajo, de ĉiu plumeraro estas preskaŭ kortuŝa. Pli precize, pli zorgeme, pli ame certe neniu estus povinta fari tiun ĉi gravan kaj malfacilan taskon.

En la aldono li, kvazaŭ donacon, prezentas al ni kelkajn faksimilojn: la antaŭparolon al la Unua Libro (kortuŝe estas vidi ĝian mallertan kompostadon), la nomaron de Esperantaj libroj aperintaj ĝis oktobro 1889, kaj kvar manuskriptojn de la Majstro, la konatan karan skribon kun la nervozaj strekoj de trookupita homo. Kaj sub banderolo kopion de la unua paĝo de »La Esperantisto«, prapatro de ĉiuj Esperantaj gazetoj.

Mi estas tiel emociita de la verko, ke, eĉ se mi havus, mi prisilentus miajn kritikajn rimarkojn. Sed mi ne havas tiajn. Solan, ne kritikon, nur demandon mi metas: Ĉu la ordigo de la leteroj ne estus pli oportuna en kronologia vico? Tiel eble ankoraŭ pligrandiĝus tiu kvazaŭ novela efekto, pri kiu supre mi parolis.

Sed la lasta vorto estu la vorto de danko. Danko al la redaktinto, danko al ĉiuj liaj helpintoj, danko al la eldoninto. *Kopar.*

*E. Privat:* HISTORIO DE LA LINGVO ESPERANTO. (Eld. F. Hirt & Sohn, Leipzig, 200 p. Prezo tolb 6 mk.)

Tiun ĉi libron ĉiu esperantisto devas legi. Por mi la baldaŭ sekvonta, triafoja legado, verŝajne donos same tiom da plezuro, kiom donacis la antaŭaj du fojoj. Tiu ĉi verko estas pli, ol historia datkolekto, ĝi estas vere, la estinta, sed »estantigita« vivo de nia movado. La homoj, ideoj, formoj vivas en ĝi kaj la tuta libro estas freŝa, kiel la naturo. La datoj ne tedas nin, ĉar ili nur kompletigas la nepartigeblan unuecon de la libro. Pro tio oni hezite interrompas la legadon. La scenoj filme aperadas, sed ni ne vidas nur bildojn, la bildoj havas profundon, homoj, pensoj, sentoj, bataloj kaj formoj plastike reliefiĝas. Sen troa analizado la aŭtoro donacas al ni altan ĝuon de la plej profunda kompreno. Belega stilo! Ne forgeseblaj estas la ĉapitroj pri la dummilita kaj postmilita movado. Kelkaj mallongaj dolorplenaj frazoj: ni sentas teruron, jen aperas la sangomaro, en la mezmezo, insuleto, Ĝenevo, de kie esperon radias al la tuta mondo la kredo kaj fervoro de kelkaj nevenkeblaj homoj.

Ĉiu esperantisto devas scii, kiel fariĝis el la antaŭmilita revajo la urĝa bezonajo de la mondo: — la moderna esperantismo. *F. Szilagyi.*

---

# KONKURSO

Literatura Mondo anoncas konkurson por originala Esperanto-romano.

KONDIĈOJ:

1) La temo estas laŭplaĉa.

2) Amplekso: maksimume 30,000 litertipoj.

3) La verkon oni sendu sub pseŭdonimo ĉemetante la veran nomon en fermita koverto, signita per la pseŭdonimo.

4) Maŝinskribo unuflanka kun marĝeno ĉ. triono de la larĝeco.

5) Limtempo: 31-a de marto 1931.

**JUĜANTA KOMITATO:**
Julio Baghy, Karlo Bodó, Jean Forge, K. Kalocsay, Raymond Schwartz

**PREMIO:**
300 t. e. tricent pengoj.

Konkursante oni konsentas pri la senpaga publikigo en Literatura Mondo kaj pri la kutime honorariata eldono en libroformo.

Se la verkoj ne atingus certan nivelon, la komitato rezervas por si la rajton pri la eventuala nealjuĝo aŭ dispartigo de la premio. **LITERATURA MONDO**

Felelős szerkesztő: **Bodó Károly**
Felelős kiadó: **Kökény Lajos**

P. Ny. V. — Presejo de LITERATURA MONDO

## ANONCETOJ

Preze po unu enpreso kaj dek vortoj 70 fileroj (50 pfenigoj) aŭ egalvaloro. Minimumo estas 20 vortoj. Pagebla ankaŭ al niaj reprezentantoj.

*La uzonto de ĉi tiu rubriko havas la nepran devon respondi almenaŭ unufoje al la korespondajoj, alvenintaj al li laŭ la anoncita temo ! !*

---

*F-ino Borinjo Horváth.* Hungarujo. Budapest VI. Gr. Zichy Jenő-u. 22. fsz. 22 dez. kor. precipe kun ekstereŭropanoj.

*Tramista grupo de HESL.* (Hungarujo. Budapest VII. Nagydiófa-u. 3.) dez. kor. kun tramistoj el la tuta mondo.

*Seriozan poŝtmarkkolektanton* serĉas en Estonujo, Latvio, Litovujo, Finnlando, Sovetio, Japanlando por intersanĝo *Deresényi Dezső, Vác, Hungarujo.*

*Fraŭlino* korespondus kun inteligentuloj. *Klári Bárdos,* Budapest, Margit-körut 48.

*La belaj, junaj, simpatiaj* ktp. geesperantistoj el Budapest serĉas inteligentajn korespondantojn de Anglujo ĝis Kanibalujo. Adreso : F-ino *Sári John,* mastrino de la HES-a grupo, Budapest, VII. Dohány-u. 74. Hungarujo.

*Kun hungaraj lab. espistoj* dez. kor. k-do Claus Vonden, *Eschweiler, b/Aachen,* Heibachstrasse 40-e, kaj k-do Petro Vinzerich, *Stolberg b Aachen,* Coceril strasse 49 Ambaŭ en *Germanujo.*

## GRAFOLOGIO

*Abonantoj, kiuj deziras uzi nian grafologian rubrikon, sendu al ni aŭ al niaj reprezentantoj almenaŭ unupaĝan manskribitan leteron. Ĝi estu skribita sur neliniita papero, per inko. Al la letero oni aldonu 1.— pengon aŭ egalvaloron.*

---

*O. F. (Krakow)* : Altnivela spirito. Intuitiva, iniciatema, singardema. Delikate kaj profunde sentanta naturo. La skribinto havas memstarajn ideojn.

*C. I. (Montevideo) :* Dignema, ne memstara, malkuraĝa, obstina homo, kun regaj suverenaj deziroj, homo, kiu multe donas al eksterajoj kaj ŝatas gravumadi.

*M. I. (Ĝenevo) :* Verŝajne sportulo, kun forta korpo. Impulsiva, persista homo, sinofera, sed ne kapabla por sincera senpereco.

*P. S. (Paris) :* Konsekvencema, bonkora, scidezira, sincera, pacienca kun multaj sociemaj sentoj kaj forta sinrego.

*Sz. I. (Budapest) :* Batalema, diskutema, fervora liberpensulo, ĉiam preta helpi aliajn, sen psikaj digoj.

*F. N. (Warszawa) :* Utopisto, kiu ofte ne kalkulas pri la realajoj. Inteligentulo, multe leginta, ŝatanta la surprizajn novajojn kaj turniĝojn.

*C. D. (Catania) :* Bone ekvilibrita, diligenta, ĝentila naturo, kiu sin sentas super la aliaj, kun egoismo, bona observokapablo, sento al realo kaj pasiema parolmaniero.

---